# Enhavo


121 Ameriko: Lumturoj en Kolombio (Ismael López); Por stratinfanoj; El Bolivio al Bonaero kaj Brazilo (Atilio Orellana Rojas)
122 Azio: Valora vizito al Vjetnamio (Reza Ĥejr-Ĥah); Kiel reteni kursanojn? (Feniksa Hoang Minh Phung); Nguyêñ Minh Kính 80-jara (Nguyêñ Dô Khánh)
123 Konkurso: Memore al Andreo Cseh
124 Lingvopolitiko: Pri regionaj lingvoj en Okcitanio; Bretona debato (Frédéric Le Magadure) Radio: Ĉina konkurso, pola limigo
125 TEJO-seminario: Kie situas Eŭropo? (Aleksandar Ŝivarov)
126 Kalendaro 1994 (internaciaj Esperanto-aranĝoj ĝis januaro 1995)
127 Eŭropa agado: Pluaj eĥoj
128 Intervjuo kun Roman Dobrzyński: Tutmonda vidbendisto Filmoj de Dobrzyński
129 La diligenta kolegaro: Profesiuloj en Ĉinio
130 Muziko: "La vojo" havas muzikon Reagoj: Minoritate, sen kompleksoj (Alberto García Fumero); Agi laŭ privata konvinko (Geoffrey King); Respekton ne nur por minoritatoj (Bernard Golden) Lingvo: Misuzo de *akcento* (Bernard Golden)
132 Recenzoj: *Florval kaj Courval aŭ fataleco* (Aleksandr Fedorov); *La Majstro kaj Martinelli* (William Auld); *Le défi des langues. Du gâchis au bon sens* (Tazio Carlevaro); *Muminvalo* (Spomenka Štimec); *Emilo de Smolando* (Maria Sandelin); *Francaj kanzonoj malnovaj kaj modernaj* (Franz-Georg Rössler)
135 Laste aperis... (novaj eldonaĵoj en aŭ pri Esperanto)
136 Loke – Fake – Persone (mallongaj novaĵoj)
138 Korektoj al la Jarlibro 1994
139 Anoncetoj
140 Nekrologoj: Emilija Lapenna (1910-1994)


# Vi trovos

ĉi-plue multajn alvokojn — eble tro da ili — kiuj aspiras skui vin el la pasiva rolo de leganto. Dum vi eble ĝuas meritita malstreĉon kun tiaj ferie leĝeraj legaĵoj kiel *Krima afero* aŭ *La malica komizo* (p. 135), por via atento konkurencas ankaŭ projekto konstrui domon por stratinfanoj en Kolombio (p. 121); alvoko monhelpi kuracendajn infanojn: la sesjaran Jana el Bulgario (p. 123) kaj la trijaran polan Jacek (p. 139); peto subteni abonhelpan fonduson de *El Popola Ĉinio* (p. 129); vivsignoj de kuraĝigendaj E-asocioj en Ĉinio, Irano kaj Niĝerio (p. 136); kaj tri konkursoj de ILEI (p. 123, 138) resp. Radio Pekino (p. 124)! Kaptu do — se viaj kondiĉoj permesas — vian monujon kaj certe vian skribilon, por pruvi ke solidareco ne konas someran paŭzon!

*La kovrilo:* La japana masaĝisto Saionji Masayuki kun grupo de vjetnamaj kuracistoj, lernintaj Esperanton de d-ro Nguyêñ Quang por studi la masaĝon Yumeiho kun Saionji. La japana gasto prezentis la teorion kaj praktikon de Yumeiho en Internacia Simpozio pri Orienta Masaĝo, 5-7 aprilo en Hanojo (legu p. 122-123).


**esperanto**

Oficiala organo de Universala Esperanto-Asocio

(en konsultaj rilatoj kun UN kaj Unesko)

**Aperas** monate (escepte de aŭgusto).

**Fondita** en 1905 de M. P. Berthelot (1882-1910). **Establita** kiel organo de UEA en 1908 de Hector Hodler (1887-1920). **Legata** en 115 landoj. **Voĉlegata** por blinduloj.

**Redaktoro:** István Ertl.

**Abonprezo:** varias laŭlande (gld. 58,30; US$ 32; GM 51; enoj 4320; ktp); petu informojn ĉe via landa asocio aŭ de la ĉi-suba adreso. Unuopa ekzemplero kostas 5,50 guldenojn.

**Anonctarifo** (gld.): 1 p. 1900, 1/2 p. 1050, 1/4 p. 575, 1/8 p. 310, 1/16 p. 175. Movada rabato 50%. Eksterakovrilaj anoncoj kostas duoble. Rabato por tuja ripeto 20%.

**Adreso de la Centra Oficejo de UEA:** Nieuwe Binnenweg 176, NL-3015 BJ Rotterdam, Nederlando.

**Telefono:** (010) 436 10 44; 436 15 39.

**Telefakso:** (010) 436 17 51.

**Telegramoj:** ESPERANTO ROTTERDAM.

**Banko:** Bank MeesPierson, Postbus 749, 3000 AS Rotterdam (konto n-ro 25.52.89.804). Nederlanda poŝta ĝirkonto: 37 89 64 (ĝiroficejo Den Haag).

**Ĝenerala Direktoro:** Simo Milojević.

**Direktoro de la CO:** Osmo Buller.


## Estraro de UEA

*Ameriko:*

# Lumturoj en Kolombio

La disvastigo de Esperanto ĉiam grandparte dependis de la apero de valoraj personoj kiuj, kiel veraj lumturoj, donis siajn energion, spertojn, scion kaj tempon al ĝia subteno. Bonŝance, en la kolombia ĉefurbo Bogoto s-ino Leonor Calvo y Feijóo estas unu el ili. Mi certas ke de pli ol tridek jaroj ŝi spiras la internacian lingvon, ŝia koro batas kaj pumpas Esperantan sindonon, kaj ŝia cerbo eĉ dumdorme prilaboras E-aktivaĵojn. Ŝi posedas kvaretaĝan konstruaĵon urbocentre, kiu ĉiam estas malfermita kaj varma por ĉiu kaj ĉio E-rilata. Kiam, antaŭ unu jaro, mi akiris ĝian vastan trian etaĝon, ni klike reaktivis kaj skuis nian Bogotan E-ĉelaron al laboro sur kvar ĉefaj fundamentoj:

Ni konstante **instruas** en la 190-$m^2$-a dua etaĝo, kiu servas kiel lernejo, kunvenejo, gastigejo ktp. Leonor ĉiutage pretigas lecionojn kaj diversajn presaĵojn. Ni instruas ne nur pri la lingvo, sed ankaŭ pri la rolo, historio, uzo kaj la enhavo de E-o.

Ni ofertas **prelegojn** diversloken kaj diversfaken: al religianoj, spiritistoj, en lernejoj, universitatoj, entreprenoj. Ni ofte havas radiajn intervjuojn. Mi, kiel muzikisto, tradukas, verkas kaj kantas E-e. Dank' al insisto de Leonor, ni dissendas ekde januaro ĉiuĵaŭde (longa ondo) kaj -sabate (kurta ondo) kvinminutan E-programon per la registara Radio Nacional.



*La kvaretaĝa Esperanto-domo de s-ino Leonor Calvo y Feijóo*

Ni ofte aranĝas neformalajn rondojn, kie la lernintoj povas **praktiki** kaj progresi. Ni reliefigas ke oni devas resti ne eterna komencanto, sed eterna lernanto.

La 15-jaran Mayo-Klubon kapitanas mi, sed kiam okazas ajna evento, ĉiuj kontribuas ĝoje, laŭ propraj kapabloj, al la **organizado**. Nia rondo estas rondo de ĉiuj, kaj ni haste kuras tien kie ni flaras E-on.

En la bonaspekta kaj trafe lokita domo, kun granda surskribo "Esperanto", funkcias ankaŭ urba kaj nacia centro. Pro ĝiaj avantaĝoj kaj pro la sojla situo de nia lando rilate al la kontinento, ni aspiras ke la domo fariĝu ankaŭ Sud-Amerika E-Centro. Nia E-konstruaĵo iĝu lumturo kun verda stelo en la supro, lumiganta la sud-amerikan kontinenton!

**Ismael (Mayo) López**
**P.K. 25-73, Bogotá, Kolombio**

# Por stratinfanoj

Marco Girolametti, svisa UEA-membro, restadas en Bogoto, kie li intencas krei kun aliaj e-istoj domon por stratinfanoj, por ebligi al ili vivindan vivon. Se vi interesiĝas mone subteni la projekton, skribu al li pere de la Kolombia peranto de UEA: Santiago Álvarez, Apdo aéreo 54-800, Santafé de Bogotá, 2.

# El Bolivio al Bonaero kaj Brazilo

Reatinginte forton post akcidento en Bolivio (vd. marto, p. 47) kaj ĉiam plena je entuziasmo, en aprilo mi ekis al nova paŝo en mia Esperanto-vivo. Komence de la monato la loka asocio gastigis en la argentina ĉefurbo Bonaero la 2-an Seminarion pri Esperanto, pri "La rolo de Esperanto en Ameriko" — temo trafe elektita, konsidere al lastatempaj streboj pri komuna sudamerika agado.

La ĉeftemon mi mem pritraktis, analizante la kialojn lerni Esperanton en Sudameriko kaj konsiderante la eblojn kiujn nia lingvo malfermas. La brazila ĉefdelegitino, Symilde Schenk Ledon, prelegis pri la Delegita Reto kaj pri vojoj al sudamerika kunagado.

La seminarion ĉeestis membroj kaj de Argentina E-Ligo (landa asocio de UEA) kaj de Argentina E-Asocio. Elektiĝis nova AEL-estraro. Tio donas esperon de vera dialogo inter la du landaj asocioj, kies baldaŭan unuiĝon multaj e-istoj deziras.

Dum la evento mi ankaŭ gvidis A-seminarion pri Cseh-metodo por 6 homoj kaj 30-minutan provlecionon por ekstera publiko.

Fininte tiun taskon, mi tuj flugis al San-Paŭlo, kie vastega laboro atendis min: plurajn mallongajn kursojn por entute 132 homoj brilege organizis Aparecida Dorta Soares, sub la aŭspicio de la E-ista Kulturcentro de la urbo Ribeirão Preto. Dum du semajnoj mi gvidis tie 15-horajn Cseh-metodajn kursojn kaj instruadon al progresantoj.

La laboron mi daŭrigis en Ribeirão Preto per du kursoj por komencantoj kaj unu por progresintoj. Ĉi tiu ĉefe celis laborantojn de la Homeopatia Instituto François Lamasson, kiu adoptis Esperanton kiel elekteblan studobjekton por sia studantaro (vd. 1993 okt., p. 178). La plej grava brazila televida stacio, Globo, venis intervjui lernantojn kaj min, kaj la sekvan tagon dissendis la raporton.

Revene al San-Paŭlo, mi partoprenis kulturan programon de la loka asocio. Fine, mian lastan tagon en Brazilo mi dediĉis al enkonduka E-leciono por skoltoj.

Ĉi tiu monata laborado venigis novajn membrojn al la kluboj, estis trafa okazo por interŝanĝi ideojn kaj diskonigi niajn idealojn.

**Atilio Orellana Rojas (Argentino)**




Azio:

# Valora vizito al Vjetnamio

*La vjetnamia landa organizo, Vjetnama Pacdefenda E-ista Asocio, plej aktivas en Hanojo, kie delegito Hông Hac faris ĉi tiun foton dum la lastjara Zamenhof-tago. Reza Ĥejr-Ĥah, irana ĵurnalisto vivanta en Japanio, vizitis la hanojanojn tri monatojn poste.*

La 14-an de marto mi atingis Noi Bai, la solan kaj malgrandan flughavenon de la ĉefurbo Hanojo. Mi venis por unu semajno, por prepari aprilan viziton de la japana masaĝisto Saionji Masayuki, iniciatinto de la koksosto-ĝustiga masaĝo Yumeiho. Akceptis min tri e-istoj: Dang Dinh Dam, la sekretario de Vjetnama Pacdefenda E-ista Asocio (VPEA), d-ro Nguyêñ Quang, kiu vjetnamigis eldonotan libron pri Yumeiho, kaj Dang Tran Thiet. Mi surpriziĝis ke, krom Dang Dinh Dam, ili malfacile parolas E-on, kvankam ili skribas ĝin sen problemo. La kialon mi poste komprenis: mankas okazo uzi E-on kun alilandanoj.

# Kiel reteni kursanojn?

En la ĉefurbo Hanojo Esperanto estas aplaŭdata de multaj intelektuloj, sed junuloj apenaŭ dediĉas sin al nia internacia lingvo, kiun ili trovas malmulte uzata en ilia medio.

En Sud-Vjetnamio mi kuraĝigas studentojn lerni E-on. Ofte mi piediris kelkajn kilometrojn por gvidi kursojn senpage. Pro manko de lerniloj, mi tajpis kaj disdonis lecionojn.

La nombro de lernantoj atingas kelkcenton — sed poste ili ĉion forgesas. Kion fari kun la kursfinintoj, por ke ili ne rezignu, forgesante Esperanton, sed iom post iom uzu ĝin?

Unue, mankas al ni kompetentaj kursgvidantoj kun alta lingvokapablo. Se UEA povus sendi al ni tian, ni povus organizi progresigan kurson. Due, ni devas allogi klubanojn per konversacioj, distraĵoj, interesaj temoj, ludoj, legado ktp. Fine, mi opinias ke necesas fondi bibliotekon.

**Feniksa Hoang Minh Phung**
**(urbo Hô Chí Minh)**




# Nguyêñ Minh Kính 80-jara

La 16-an de majo sindikata kulturdomo en la urbo Hô Chí Minh organizis solenaĵon kun kultura programo kaj libro-ekspozico por honori la 80-jariĝon de la e-ista veterano Nguyêñ Minh Kính, kiu estas ekde la pasinta jaro Honora Membro de UEA. De post 1960 aperis liaj elstaraj tradukoj ĉe Fremdlingva Eldonejo: *Reveno* (1981), *Vjetnamio: kiaj homaj rajtoj? (1981)*, *Blanka sablo* (1981), *"Hai Son" Floroj* (1981), *Miriado da lumoj* (1981), *Dolĉa gusto de l'paco* (1982), *Sur la vojstreko de Ho Chi Minh* (1984) *Markoloro* (1985) kaj multaj aliaj. [Ili ĉiuj haveblas ĉe la Libroservo de UEA, plejparte je la prezo de 3 guldenoj.] Lia *Plena vortaro vjetnama-Esperanta* atendas publikigon. La feston partoprenis pli ol 200 homoj, i.a. eksministro N.V. Huông, intelektuloj, artistoj ktp.

En la sama urbo la 25-an de aprilo oni malfermis E-kurson, ĉeeste de ministeriaj gvidantoj, urbaj respondeculoj kaj E-eminentuloj. La 2-an de majo 25 gejunuloj eklernis en la kurso, kies adreso estas: 322 Nguyêñ tri Phúông Q. 10., Hô Chí Minh.

**laŭ raporto de Nguyêñ Dô Khánh**
**(delegito de urbo Hô Chí Minh)**

Tuj mi estis kondukita al la hotelo ESPECEN (E-ista Kultura kaj Turisma Centro), kie verdaj steloj sur la pordoj kaj eĉ sur ŝlosiloj ĝojigis min. Tamen neniu tie parolis E-on. Nur fine, pro mia ĉiutaga uzo de E-o, ĉiuj laborantoj de la hotelo lernis la salutojn, kaj unu el ili — post ĉiutagaj kursoj — povis paroleti E-on. Temas pri ĉeno da hoteloj (ĉ. 10) ĉirkaŭ Hanojo, al kiu la ĉefdirektoro donis nomon laŭ propono de sia konsilisto, Dang Dinh Dam.

Por mia bonvenigo aperis ĉ. 25 VPEA-anoj — plejparte maljunaj, tamen viglaj, multaj el ili alte edukitaj. Mi disdonis donacojn de japanaj e-istoj. Aparte mi renkontiĝis kun tri komitatanoj de VPEA: prezidanto kaj poeto Bui Hanh Can, la Hanoja delegito Thinh Van Hông Hac, kaj Dang Dinh Dam. Ni parolis pri problemoj kaj bezonoj de la vjetnamia (ĉefe Hanoja) movado kaj pri eventuala aliĝo de VPEA al UEA.

Rilate al Yumeiho, mi parolis en medicina lernejo al ĉ. 50 studentoj, menciante ankaŭ E-on kaj mian mondvojaĝon. Fine preskaŭ ĉiuj esprimis la deziron lerni E-on. Ĉar en tiu lernejo la direktoro jam akceptis okazigon de E-kurso, nun ni atendu la rezultojn de tiu entuziasmiĝo.

La plej viglan kaj seriozan E-agadon mi konstatis ĉe Hanoja E-Klubo, kiu havas daŭre kunvenojn kaj kursojn (pasintjare 4, kun 31 finlernintoj), kaj kelkajn lingve kapablajn e-istojn. Unu el ĝiaj plej aktivaj anoj estas la delegito Hông Hac, kiu vicdirektoras la turisman kaj propagandan centron Fortika.

En la lando preskaŭ nur en du urboj ekzistas E-movado: Hanojo kaj Hô Chí Minh. Pri la dua mi ne povas skribi, ĉar mi ne vizitis ĝin, kaj ŝajne ankaŭ VPEA apenaŭ havas informojn pri la agado tie.

Laŭ sekretario Dang la plej grandaj problemoj estas malaltiĝo de subvencioj kaj manko de kunvenlokoj. Cetere, homoj pli kaj pli interesiĝas pri la angla, uzata de kompanioj. Mi estis surprizita aŭdi ke lernantoj de E-o devas kopii por si malnovajn vortarojn, ĉar ne ekzistas nova; *Plena Vortaro* de Honora Membro Nguyêñ Minh Kính estas eldonota. Kiel lernilon oni uzas mallongigitajn kopiojn de vjetnama lernolibro eldonita en Budapeŝto (*Duagrada kurso de Esperanto*, 1983). Mi povis transdoni, dank' al Jokohama E-Rondo, kelkajn ekzemplerojn de la nova lernolibro *Hanako lernas Esperanton* de Doi Ĉieko. Aliflanke, UEA pretas sendigi al Vjetnamio parton de la stoko de *Saluton!*, ĵus reeldonita en Kamboĝo. Krome, Ngô Chân-Lý antaŭ nelonge finverkis 78-paĝan lernolibron por vjetnamoj, kontrolitan de Nguyêñ Minh Kính, kiu aperos per subvencio de UEA.

### Rolo de la najbaroj

La movadoj en Ĉinio kaj — lastatempe — en Kamboĝo povas esti bonaj amikoj por la e-istoj en Vjetnamio — kvankam la politikaj problemoj inter tiuj landoj ne estas tute solvitaj. Ankaŭ Koreio kaj Japanio povas helpi. Jen freŝaj ekzemploj: japana e-isto Kumaki Hideo kovras la vojaĝkostojn al Seulo de la prezidanto kaj sekretario de VPEA, kaj samideanoj en Koreio helpos pri ilia restado. *El Popola Ĉinio*, kiu mem estas en finance malfacila situacio, donacis 15 abonojn al VPEA. Kamboĝanoj baldaŭ sendos la lernolibrojn.

**Reza Ĥejr-Ĥah (Irano/Japanio)**



*Ankaŭ la suda metropolo, urbo Hô Chí Minh, ne restis sen eksterlanda E-vizitanto. En aprilo So Jinsu, ekonomikisto el Koreio, gastis ĉe la loka asocio.*

## Konkurso: Memore al Andreo Cseh

La hungara sekcio de ILEI dediĉos sian dutagan jarkunvenon en 1995 al la memoro de la granda hungara Esperanto-instruisto Andreo Cseh. Okazos prelegoj pri Cseh kaj lia metodo, prezento de lecion-fragmentoj, ekspozicio de Cseh-aĵoj kaj de instruhelpiloj de la metodo. Antaŭvideblas diskutoj pri la nuna rango kaj pozicio de la metodo kaj de la E-instruado.

La organizantoj, subtenataj de Internacia E-Instituto, anoncas konkurson en du temoj:

A. Andreo Cseh — la majstroinstruisto.

B. La Cseh-metodo kaj mi.

La maks. 5-paĝaj konkursaĵoj baziĝu sur personaj memoroj, spertoj, opinioj. Kiel premiojn IEI ofertas librojn, kaj ĉiu konkursanto ricevos la memorkajeron de la aranĝo. La verkojn sendu antaŭ la 31-a de oktobro al: Katalin Smidéliusz, Apáczai s. 10, HU-9700 Szombathely, Hungario.

## Donu ŝancon al ŝi vivi!

Jana Trendafilova Vaskova, sesjara filino de esperantistino el Svištov (Bulgario), estas serioze malsana kaj bezonas operacion eksterlande. Bonvoluloj jam certigis parton de la operacia kosto, kaj restas la espero ke plua subteno donos al ŝi ŝancon vivi. Sendu vian kontribuon al UEA indikante "Por Jana". Je dispono de helpemuloj estas ĉiuj dokumentoj ĉe la familio: tel. +359/631/264-56.

*Lingvopolitiko:*

# Pri regionaj lingvoj en Okcitanio



*Podianoj en prelegdebato (de dekstre): François Lo Jacomo, Jeanne-Marie Cash, Hector Alòs kaj Jacme Taupiac.*

Esperanto-Kultur-Centro, kiu aĝas nun pli ol du jarojn kaj nombras 46 membrojn, elstare aktivas en la regiono de Tuluzo (Francio). Ĝi okazigas kursojn je tri niveloj, flegas kontaktojn kun lokaj bahaanoj kaj rotarianoj, starigis ekspozicion en tri urbaj bibliotekoj, organizis prelegojn por studentoj kaj, jam dufoje, manifestaciojn dum la Internacia Ago-Tago. En la decembra Zamenhoffesto de EKC pli ol 70 kunfestantoj aŭskultis la paroladojn de André Albault, prezidanto de la Akademio, kaj de Jacme Taupiac, profesoro kaj vortaristo de la okcitana lingvo. La 28-an de februaro EKC venigis centon da entuziasmuloj al koncerto de Kajto, kaj aranĝis dulingvan spektaklon kun kanzonoj de la franca kantisto-poeto Georges Brassens la 15-an de majo.

Same kiel dum la unua ĉiujara "Printempo de la Lingvoj" (Prima de las Lengas) pasintjare (vd. majo 1993, p. 86), EKC denove okulfrape ĉeestis la lingvofestivalon: ĝi okazigis la 16-an de majo, por kvindeko da ĉeestantoj, prelegdebaton pri "La rolo de la regionaj lingvoj kaj de la internacia lingvo Esperanto en multlingva Eŭropo". Gvidis ĝin Hèctor Alòs i Font (Barcelono), redaktoro de *Kataluna Esperantisto*, kaj François Lo Jacomo (Parizo), inĝeniero-lingvisto, prezidanto de Franca E-Instituto kaj membro de la Akademio (vd. foton).

Alòs bazis sian referaĵon sur la ideo ke lingva plureco estas riĉiga fenomeno. Li rimarkigis ke la homaro estas plejparte plurlingva, ke unulingvuloj kaj unukulturuloj estas esceptaj. Laŭ li, necesas lerni la propran lingvon — ĵusa atingaĵo de la katalunoj —, sed ankaŭ estas devo lerni tiujn de la najbaroj por kompreni ilian kulturon. Ekzemple, en Katalunio lerneja instruado de la cigana kaj araba kulturoj estus potenca rimedo kontraŭ rasismo.

Koncerne la lingvouzadon en la Eŭropa Unio, Alòs distingis du kriteriojn: efikecon, laŭ kiu dezirindas ununura lingvo, kaj socian intereson, laŭ kiu uzindas ĉiuj lingvoj, ankaŭ minoritataj. La angla jam laŭfakte prenis la rolon de perila lingvo, sed devus esti eble anstataŭigi ĝin per Esperanto, kies avantaĝo estas neŭtraleco. Alòs insistis pri la malfacileco ŝanĝi la pensmanieron de unulingvaj kaj unukulturaj homoj: tio ne fareblas per dekreto. Lerni la araban kaj Esperanton, li konkludis, estas revolucio.

Lo Jacomo ne hezitis ludi, laŭ propra konfeso, la rolon de "advokato de diablo". Li celis ekzameni kial E-o ankoraŭ ne disvastiĝis grandskale en la mondo kaj kial la argumentoj de ĝiaj defendantoj profitus de reekzamenado. Unuavice li demandis sin ĉu efektive ekzistas la "lingvoproblemo". Jes, sed nur por tiuj kiuj volas komuniki. Ĉu kostoproblemoj? Ilin oni komparu al la ricevitaj riĉaĵoj. Ĉu komprenpro-

# Bretona debato

"La internacia lingvo kaj la minacataj lingvoj kaj kulturoj, inter kiuj troviĝas la bretona": sub tiu titolo okazis debato, la 22-an de majo, kadre de plurnivela E-instrua semajnfino, en Le Pouliguen (Francio). La debaton iniciatis Daniel Houguet, sekretario de Internacia Komitato por Etnaj Liberecoj (IKEL).

Jorj Abhervé-Guéguen, e-isto, prezentis vidbendon pri dulingva (bretona-franca) klaso, kie li instruas. Yann-Erwan Haspot, instruisto de simila klaso en regiono ne bretonlingva, rakontis ke multaj gepatroj, plej ofte breton-devenaj, deziras por siaj infanoj edukon en du lingvoj. Jakez Gaucher, keltisto, komparis la nunan staton de la keltaj lingvoj. Jean Cevaer prezentis kiel la administracia divido de Francio ignoras lingvolimojn. Houguet klarigis la celojn de IKEL.

La debaton gvidis e-isto Ferdi Vince, kiu levis la demandon: ĉu la regionaj lingvoj kaj Esperanto povas sin helpi reciproke?

Frédéric Le Magadure, denaska breton-parolanto kaj e-iginto de la rakontaro *La herbo de la virgulino* de la bretona verkisto Jakez Riou, respondis jese. Li rakontis kiel E-o instigis lin malkovri sian propran kulturon. Laŭ li, instru-ministroj "restas surdaj al la petoj" same pri regionaj lingvoj kiel pri Esperanto. Des pli gravas ke E-lernantoj aŭdu pri lingvaj problemoj, ĝuste kiel okazis ĉi-foje en Le Pouliguen.

Frédéric Le Magadure (Francio)

*Radio:*

# Ĉina konkurso, pola limigo

La Esperantaj elsendoj de Ĉina Radio Internacia 30-jariĝos la 19-an de decembro. Ĉi-okaze ĈRI (Esperanto-Sekcio de ĈRI, CN-100866 Beijing, Ĉinio) petas sendi kontribuojn, ĝis la 15-a de novembro, al la konkurso "Mi kaj la Esperanta disaŭdigo de ĈRI". La demandoj:

1. Kiam vi komencis aŭskulti la E-disaŭdigon de ĈRI? Kian impreson vi havas ĝenerale?
2. Kiu programero plej plaĉas al vi? Ĉu vi povas ĝin komenti?

blemoj? Ne sufiĉas paroli saman lingvon por kompreniĝi, ankaŭ necesas volo kompreni.

Rilate la ligon inter lingvo kaj identeco, Lo Jacomo atentigis ke eblas identiĝi kun pluraj lingvokomunumoj. Tiusence Esperanto ne estas escepto: por sia parolantaro ĝi estas rimedo montri komunuman apartenon kiu aldoniĝas al aliaj apartenoj. Ĉu Esperanto estas solvo al specifa problemo? Ĉu ĝi estas varo, kiel telefono aŭ kiel anglalingvaj kursoj? Ĉu ĝi estas nur lingvo, pri kiu lingvistiko devus interesiĝi? Finfine, ĉu Esperanto estas rajto? Ĉies rajto paroli sian lingvon, kompense pro ĉies devo paroli la lingvon de la socio?

Esperanto, asertis fine Lo Jacomo, devas ne submetiĝi al leĝaj limigoj, sed konsideriĝi kiel individua rajto paroli elektitan lingvon: lerni ĝin devas esti permesate al tiuj kiuj serĉas kulturan riĉiĝon. Ĉu la esperantistoj pretas ekagi je tiu ĉi defio?

Dum la vigla debato ĝis noktomezo partoprenis okcitanistoj kiel Guy Senges, prezidanto de la Instituto de Okcitanaj Studoj de Haute-Garonne, Jean Vilotte, sekretario de la Okcitana Partio, kaj Jacme Taupiac, profesoro kaj vortaristo de la okcitana lingvo.

**Laŭ raporto de EKC (1 rue Jean Aillet, FR-31000 Toulouse; tel. +33/61-25-55-77)**

3. Bv. paroli pri vi mem, pri via laboro, pri la historio de via E-aktivado.
4. Ĉu vi povas verki ion gratule al la 30-jariĝo?

Alia konkurso koncernas sciojn pri Tibeto kaj estas partoprenebla ĝis la 31-a de aŭgusto. Unu el la premioj estas senpaga vizito al Tibeto.

*

La diverslingvaj elsendoj de Pola Radio, inter ili la Esperanta, ne plu uzas la mezondon je 1503 kHz. Aŭskultantoj kiuj pro tio ne plu bone aŭdas la programon, reagu al la adreso trovebla en la maja numero, p. 86. ★

*TEJO-seminario:*

# Kie situas Eŭropo?

Semajnon post la TEJO/KER-seminario "Trans la limoj de Eŭropo — la eŭropa kontribuo en la hodiaŭa mondo" (1-8 majo, Strasburgo, Francio) mi traserĉas mian cerbon por eltrovi kio restis de ties sep tagoj. Klare, unue bildiĝas la ejo, la Eŭropa Junulara Centro: luksa betona skatolo ekipita per ĉiuj bezonataj teknikaĵoj, per unulitaj ĉambroj, nemalgranda biblioteko, eĉ saŭno. Aliflanke densa programo, ŝajne super la plenumkapablo de la 31-kapa partoprenantaro, kiu prilaboris parton de la programo nur supraĵe.

oni pritraktis ĝian rolon en historio, politiko (Attila Kaszás, Hungario), komerco (Mauro Ortelli, Italio), ekologio (Daithí Ó hÉalaithe, Irlando) kaj religio (Aleksandar Ŝivarov, Bulgario). Fine, kiam stariĝis la demando "Kio rezultis el la domina rolo de Eŭropo?", montriĝis ke eĉ post longaj debatoj la plimulto de la seminarianoj estis maleŭropema.

Kiam alikontinentanoj (Francisco Veuthey, Argentino/Nederlando; Yu Tao, Ĉinio; Bernd Wechner, Aŭstralio) parolis pri la bildo de Eŭropo ĉe si, la eŭropanoj malkovris tamen iom ŝokite ke ilia kontinento ne tiom gravas kiom ili unue atendis. Eŭropo de ekstere aspektas tro malgranda, dense loĝata, simila al malnova muzeo. Krome, kiel demonstris




*La seminarianoj gustumas "ĉinan kontribuon al la hodiaŭa mondo". (Fotis Sjoerd Bosga.)*

Kadre de la unuataga temo, "Sukcesa Eŭropo", Frank Stocker (Germanio) emfazis en sia valora prelego la kulturan diversecon en la kontinento, kaj donis kiel ekzemplan modelon la homajn rajtojn kaj la nunan staton socian kaj ekonomian de Okcidenta Eŭropo. István Ertl (Hungario/Nederlando) kaj Georgo Kamaĉo (Hispanio) analizis la influon de Eŭropo sur la evoluon de Esperanto, lingve kaj movade.

Dum la dua tago, dediĉita al regionaj aliroj, pruviĝis ke unu lando povas aparteni al pluraj regionoj, depende de la vidpunkto. Alian tagon estis diskutataj aspektoj de la paca aŭ agresema konduto de Eŭropo —

Paco Belmonte Sánchez (Katalunio), la mapoj trompas pri ĝia graveco, ĉar ili kutime uzas projekciojn favorajn al Eŭropo.

Ĉar dum tiu ĉi diskuto oni ne sukcesis krei modelon por egalecaj rilatoj inter kontinentoj, en la lasta tago kelkopa grupo prezentis debatcele rezoluci-proponon kiu listigis ĉiujn stereotipojn eldiritajn dum la antaŭaj tagoj. Sed la debato ne donis rezulton. Eble tial, la seminario postlasis ĉe mi ian senton de nebuleco kaj nedifiniteco. Tamen, ĉiuj seminarianoj certe pliriĉiĝis per novaj ideoj pri la situo de Eŭropo en la hodiaŭa bunta mondo.

**Aleksandar Ŝivarov (Bulgario)**

# Kalendaro 1994



*Ĉi-sube sekvas daŭrigo kaj kompletigo de la aranĝo-listo aperinta en nia marta numero (p. 48-52). Informoj pri eventoj tie anoncitaj plejparte ne estas ripetataj.*

**konstante**

**Internacia Kultura kaj Kleriga Centro,** Sobotské nám. 6, SK-058 01 Poprad, Slovakio; tel. +42/92/32-419

**Kava-Pech,** Anglická 878, CZ-252 29 Dobřichovice, Ĉeĥio; tel./faks. +42/2/991-21-26

**Kultura Centro Esperantista,** Pf. 779, CH-2301 La Chaux-de-Fonds, Svislando; tel. 41/39/267-407; faks. 266-203

**Movilo,** Hevesi Gy. u. 107/II/8, HU-1157 Budapest, Hungario; tel. +36/1/271-95-10

**julio**

25-30: **Renkonto "Ekologio kaj Esperanto",** Krakovo, Pollando (Marek Warmuz, Komandosów 7-83, PL-30-334 Kraków; tel. +48/12/665-059)

30-08: **Familia E-tendaro,** Gelenĝik, Rusio (Rusia E-ista Unio, RU-143000 Odincovo-6, a.k. 111; tel. +7/95/162-14-08)

31-13: **Ripoza somera E-tendaro,** Nekvasovy, Ĉeĥio (Klub Esperanto Plzeň, Jiří Vomáčka, Koterovská ul. č. 30, CZ-301 41 Plzeň)

**aŭgusto**

01-10: **Eŭropa Skolta Ĵamboreo,** Dronten, Nederlando (Arie Bouman, Driesdreef 8, BE-9030 Gent, Belgio; kun partopreno de Skolta E-Ligo)

07-20: **Internacia E-kurso por progresantoj,** Bratislava, Slovakio (Skolta E-Ligo Slovakia, Miroslav Havránek, SK-81000 Bratislava 1; tel. +42/7/335-809, faks. 332-020)

09-14: **Eŭska Medioĝuo Aventura,** Eŭskio, Hispanio (Rafael Blanco Arbe, Larrainbide 3, 3. ezk., ES-31800 Altsasu; tel. +34/9/48-56-38-99)

14-21: **Someraj kursoj laŭ la Zagreba metodo,** Groĵnjan, Kroatio (Viŝnja Brankoviĉ, Via Leghissa 6, IT-34131 Trieste, Italio; instruas V.Brankoviĉ kaj Spomenka Štimec)

17-22: **Somera Intensa Lingvokurso por Naturamikoj,** Sződliget, Hungario (Dr. Kozák Imréné, Jósika u. 26, HU-1077 Budapest; tel. +36/1/121-49-75)

19-21: **Roza Monto '94,** Stokholmo/Rosenberg, Svedio (Bettan Ahlgren, Långsvängen 67, SE-147 44 Tumba; tel. +46/8/53-03-31-87)

22-27: **Renkonto "Ekologio kaj Esperanto",** Krakovo, Pollando (vd. ĉe 25-a de julio)

25-28: **Nord-Amerika Junulara Tendaro,** Ithaca, Nov-Jorkio, Usono (Jozef Truong, 624 Second St, Lancaster PA 17603-5114)

26-02: **Taranteza Semajno,** Bourg St. Maurice, Francio (Bernard Bourrut, av. de Tarentaise, FR-73210 Aime)

**septembro**

01-04: **Internacia E-Simpozio "E-o kaj la sciencteknika progreso",** Karlovo, Bulgario (ESPERINFORM, Inĝ. B. Leonov, pk. 44, BG-4300 Karlovo)

01 sept. 1994 - 01 majo 1995: **Internacia studumo pri turismo kaj kulturo,** Bydgoszcz, Pollando (Esperantotur, ul. M. Skłodowskiej-Curie 10, PL-85-094 Bydgoszcz; tel. +48/52/415-744; telekso 562844 mtur pl; eblas ankaŭ eksterĉeesta studumo kun kvar kelktagaj restadoj dum la sama periodo)

02-04: **Skota Aŭtuna E-Semajnfino,** Dunblane, Britio (D-ro Albert Goodheir, 16 Woodlands Drive, Coatbridge, Skotlando ML5 1LE; tel. +44/236/421-636)



*6-a Vina Seminario, 6-9 oktobro, Ĉeĥio*

04-11: **Internacia Konferenco "Esperanto kaj Unesko: 40-jara kunlaboro",** Havano, Kubo (KEA, Pf 5120, CU-105000 La Habana)

05-10: **Studsemajno de Akademio Internacia de la Sciencoj,** Maribor, Slovenio (Interkulturo, Kočevarjeva 12, SI-62000 Maribor; tel./faks. +386/62/221-371)

05-11: **Internacia Aŭtuna Semajno** apud la rivero Tibisko (Tisza), Hungario (Movilo, adreso supre)

08-11: **1-a Seminario "Esperanto: Kulturo kaj Socio",** Paterna (Valencio), Hispanio (Grupo Esp. de Valencia, G. V. Fernando el Católico 45-3a, ES-46008 Valencia; tel./faks. +34/6/340-13-69; temo "Rasismo kaj ksenofobio en la nuna Eŭropo")

10-11: **2-a Danuba E-Rendevuo,** Budapeŝto, Hungario (Esperanta PEN-Centro, Pf. 117, HU-1581 Budapest; temo: "La E-literaturo post PIV"; studgrupoj kun Perla Martinelli, Giorgio Silfer kaj Katalin Smidéliusz)

10-15: **Oksikoko-94,** Tiĥvin, Rusio (Universo, A. k. 130, RU-197022 Sankt-Peterburg; tel. +7/812/234-47-59)

24-27: **2-a Internacia Konferenco pri la historio de la E-movado,** Sankt-Peterburgo, Rusio (Espero, a.k. 130. RU-197022 Sankt-Peterburg; tel./faks. +7/812/234-47-59)

30-02: **8-a Internacia Kultura Festivalo,** Ustí nad Labem, Ĉeĥio (Inĝ. J. Kříž, Druzstevní 411/11, CZ-400 07 Ustí nad Labem)

**oktobro**

03-04: **45-a Kongreso de Bulgara E-Asocio,** Karlovo (BEA, pk. 66, BG-1000 Sofio)

06-09: **6-a Vina Seminario,** Břeclav, Ĉeĥio (Jana Burianová, Renneská 35, CZ-63 900 Brno; tel. +42/5/323-774)

08: **Studotago pri E-instruado,** Internacia E-Instituto, Hago, Nederlando (Riouwstr. 172, Den Haag, 2585 HW; tel. +31/70/355-66-77; Claude Gacond pri "Didaktiko")

08-10: **Aŭtuna Semajnfino,** Ludlow, Vermonto, Usono (Normand Fleury, 6358 rue de Bordeaux, Montréal QC, Kanado H2G 2R8; tel./faks. +1/514/495-84-42)

14-16: **Gaja E-Semajnfino,** As-Vig, Danlando (Lizzie Egholm, Vindingsvej 5, Stensballe, DK-8700 Horsens)

15-19: **Antaŭkongresa Ripoza Renkontiĝo,** Staszów, Pollando (Esperanto-klubo, ul. Parkowa 6, PL-28-200 Staszów; tel. +48/15/644-112, 641-367)

17-20: **Internacia simpozio pri entreprenado pere de E-o kaj Dorsa lernejo pri "Kiel preventi dorsdolorojn",** Skokovy, Ĉeĥio (Kava-Pech, adreso supre)

19-23: **26-a Pola E-Kongreso,** Staszów (E-klubo Staszów, vd. ĉe 15-a de okt.)

20-23: **Tra turismaj perloj de suda Bohemio,** Ĉeĥio (Kava-Pech, adreso supre)

21-23: **Internacia Apudbalatona E-Renkontiĝo,** Badacsony, Hungario (Movilo, adreso supre)

23-28: **Aŭtuna stud- kaj feri-restado por komencantoj kaj progresantoj,** KCE, Svislando (adreso supre)

24-03: **Kvinpetala Aŭtuno,** Bouresse, Francio (Kvinpetalo, route de Civaux, FR-86410 Bouresse; tel. +33/49-42-80-74; kursoj kun Suzanne Bourot, Georges Lagrange kaj Jean Thierry)

29-05: **TEJO-Seminario,** Prago, Ĉeĥio (Lucie Karešová, Tylova ul. 1262, CZ-508 01 Hořice v Podkrkonoši; temo: "Regiona kunlaboro en Eŭropo — ĉu motoro por la eŭropa integriĝa procezo?")

30-05: **Rusia E-Kongreso,** Niĵnij Novgorod, Rusio (Andrej Ananjin, a.k. 34, RU-117071 Moskva)

**novembro**

10-13: **Dua Atlantika Plonĝado,** Troia, Portugalio (Portugala E-Junularo, Rua Dr. João Couto 6 r/c A, PT-

1500 Lisboa; E-poŝto B40@PTEARN.CC.FC.UL.PT)
11-13: **Aŭtuna Bavara E-Renkontiĝo,** Lichtenfels, Germanio (Bavara E-Ligo, Waterloostr. 21, DE-86165 Augsburg)
11-16: **Internacia E-Renkontiĝo,** Zagrebo, Kroatio (Marija Belošević, Sveti duh 130, HR-41000 Zagreb; okaze de la 900-jariĝo de Zagrebo)
17-19: **Dua Kongreso de la Eŭropa Federacio,** Kaliningrad, Rusio (Wojciech Soczówka, Rathausstr. 92, Mariendorf, DE-12105 Berlin, Germanio)
17-20: **Internacia E-Renkontiĝo de E-aktivuloj,** Agárd, Hungario (Movilo, adreso supre)
18-20: **Kulturaj E-Tagoj,** Poprad, Slovakio (IKKC, adreso supre)
26-27: **Geografiaj nomoj en Svislando,** KCE, Svislando (adreso supre; gvidas C. Gacond kaj A. Künzli)

**decembro**
02-04: **Sankt-Nikolaa Festo,** Murzasichle, Pollando (IKKC, adreso supre)
09-10: **ILEI/UEA-ekzamenoj,** Zagrebo, Kroatio (Marija Belošević, Sveti Duh 130, HR-41000 Zagreb)
09-11: **44-a Kultura Semajnfino de Sarlanda E-Ligo,** Homburg, Germanio (SEL, Querstr. 11, DE-6607 Quierschied; prelegas Barbara Jantzen, Krešimir Barković, Eddy Borsboom)
09-11: **Antaŭkristnaska E-renkontiĝo en Bratislavo,** Slovakio (BEKO, Račianska 80, SK-83102 Bratislava)
10-15: **Zamenhofa Semajno,** Bouresse, Francio (Kvinpetalo, route de Civaux, FR-86410 Bouresse; tel. +33/49-42-80-74; kun Georges Lagrange kaj Juanita Turbillon)
17-06: **Tria Afrika Kongreso,** Winneba, Ganao (Hans Bakker, Kastelenstr. 231, NL-1082 EG Amsterdam, Nederlando)
27-03: **38-a Internacia Seminario de Germana E-Junularo,** Tübingen, Germanio (Marc Stessgen, Hagerdornstr. 6A, DE-51069 Köln; temo: "Rubo")
27-03: **11-a Internacia Festivalo,** Kassel/Sensenstein, Germanio (Hans-Dieter Platz, Pf. 1148, DE-34305 Niedenstein; tel. 49/56-24-80-07; faks. 56-24-80-07; por mezaĝuloj kaj junaj familioj)
28-02: **Novjara renkontiĝo,** KCE, Svislando (adreso supre)
29-02: **Invito de nova jaro en Prago,** Ĉeĥio (Kava-Pech, adreso supre)
30-02: **23-a Vintra E-Feriado,** Budapeŝto, Hungario (Movilo, adreso supre)
30-02: **Silvestra balo – Vintraj ekskursoj,** Poprad, Slovakio (IKKC, adreso supre)

**1995**
**januaro**
09-21: **11-a Aŭstralia E-Somerlernejo,** Adelajdo (Max Wearing, 30 Westbury Street, Hackney SA 5069, Aŭstralio)

*Eŭropa agado:*

# Pluaj eĥoj

**La eŭropaj balotoj okazis en junio. Verŝajne pluraj el la kandidatoj kiuj respondis favore al leteroj de e-istoj, jam sidas en Strasburgo. Ĉiukaze, la laborgrupo pri komunikado en la Eŭropa Unio (vd. jun., p. 104) planas sendi al ĉiuj novaj eŭro-parlamentanoj resumon pri la simpozio kiun ĝi kunorganizis en Bruselo pri la eŭropa lingva problemo (vd. okt. '93, p. 161). Jen, kompletige al niaj pli fruaj informoj, kelkaj politikistaj reagoj el kvar landoj de la EU.**

## Belgio: Flandraj favorantoj

Flandra E-Ligo aperigis la alvokon de Claude Piron al eŭropaj elektontoj (jun., p. 103) en la ĵurnalo *De Morgen*, kaj petis la flandrajn partiojn ke ties kandidatoj skribe klarigu sian starpunkton pri grada enkonduko de Esperanto ĉe la eŭropaj instancoj.

La respondintoj konsentis pri la problemsolva kapablo de E-o kaj diversgrade aprobis ĝian eŭropan ekaplikon: "Mi ne ekskludas la uzon de E-o aŭ de alia t.n. neŭtrala lingvo" (Marianne Thyssen, partopreninta la studtagon pri planlingvoj ĉe la Eŭropa Parlamento); "Unu el la solvoj povus esti pontlingva uzo de E-o" (Jaak Vandemeulebroucke); "Principe, oni devas pledi por *neŭtrala* mondlingvo . . . La sola lingvo konsiderenda kiel tia estas Esperanto . . . (Willy Courteaux, konata intelektulo, tradukinto de la tuta Ŝekspira vivoverko); "AGALEV ĉiam pledis por grada enkonduko de E-o ĉe internaciaj kaj eŭropaj instancoj" (Magda Aelvoet, verdula partio AGALEV). (*La Konko*)

## Britio: Frandaĵo por ĵurnalistoj

La leterkampanjo de Brian Barker (vd. jun., p. 103) grandskale sukcesis. La plejmulto de la kandidatoj reagis al la demandoj ricevitaj de la federacioj de E-Asocio de Britujo kaj de ĉ. 250 EAB-membroj. Sesdeko da ĵurnaloj aperigis ion pri la lingva problemo, kaj 26 radio- kaj 2 televidprogramoj lokaj elsendis intervjuojn (i.a. kun Hilary Chapman, Edmund Grimley Evans, Don Lord kaj EAB-prezidanto Stephen Thompson).

Alia letero, verkita de Edmund Grimley Evans kaj dissendita al 320 kandidatoj tutlande, proponis ses lingvopolitikajn demandojn. Ĝis mezo de junio 74 el ili reagis: proporcie plej multe verduloj, malplej multe konservemuloj. 55 konsentis ke scienca skipo esploru la komunikadon per E-o kaj raportu al la EP; 40 el ili subtenus E-instruan eksperimenton en la EU; sed rimarkindas ke nur laŭ 44 respondintoj alilingvanoj estus diskriminaciataj se oni limigus la nombron de EU-laborlingvoj. 28 kandidatoj petis pluan informon, kaj unu skribis ke ŝi lernas E-on. (H. Chapman, *Eŭropa E-isto*)

## Francio: Trilingva solvo?

Laŭ Dominique Baudis, listogvidanto de la centra-dekstra partio UDF-RPR, la ĉefa risko en interneŭropaj aferoj estas la trograviĝo de la angla lingvo, kaj la solvo estas trilingvismo. En sia respondo al la Tuluza Esperanto-Kultur-Centro (vd. p. 124) li rekonis ke tio postulos konsiderindan klopodon de la eduksistemo, sed tion li juĝis necesa, ĉar la diverseco de lingvoj (inkluzive de regionaj) estas riĉiga kulturfonto. (EKC)

## Germanio: Kristandemokrato konvinkita

Responde al s-ino Trude Sinno, loĝanta en Nederlando, sed en ties "Eŭregiono" Mozo-Rejno, venis jena respondo de la kristandemokrata Thomas Jansen, ĝenerala sekretario de la Eŭropa Popolpartio: "Kun granda intereso mi legis *Dek tezoj pri la lingvoproblemo en la EK* de Germana E-Asocio. Laŭ mi ĝiaj asertoj estas trafaj, ĝia argumentado konvinka. Kvankam antaŭe mi opiniis alie, pro miaj spertoj en la lastaj jaroj mi estas ĉiam pli konvinkita ke E-o efektive ofertas bonan solvon." ★

UEA denove havas komisiiton pri reprezentiĝo ĉe la Konsilio de Eŭropo: Hans Erasmus, kiu estas konsilisto ĉe la Nederlanda Ministerio pri Vivmedio kaj ano de la esperantista laborgrupo pri lingva problemo en la Eŭropa Unio.

Intervjuo:

# Tutmonda vidbendisto

*Roman Dobrzyński estis i.a. estrarano de UEA kaj prezidanto de Pola E-Asocio — tamen li famiĝis eble plie pro siaj multaj filmoj pri-aŭ per-Esperantaj. La vidbenda oferto de nia Libroservo konsistas duone el liaj verkoj! Trapasante Roterdamon, li rakontis:*

*"La sola lando kie mi ne renkontis e-istojn, estis Salvadoro . . ." Dobrzyński devis kontentiĝi per alispeca kompanio.*

En la lastaj dek jaroj mi realigis 15 filmojn iel ligitajn al Esperanto. Tio komenciĝis en 1984, kiam mi laboris en Brazilo pri unu el miaj dokumentaj filmoj latin-amerikaj por la pola televido. En la ĉefurbo Braziljo venis al mi la ideo ekskursi al la fama Esperanta farmbieno, la proksima Bona Espero. Kaj surloke mi decidis fari filmon kun E-o kiel laborlingvo. Per E-o mi sukcesis montri eksterordinarajn homojn en eksterordinara loko, ekz. la geedzojn Grattapaglia, kiuj decidis forlasi Eŭropon por nova vivo en la tria mondo. La filmo montriĝis tiel sukcesa ke la telespektantoj plurfoje postulis ripeton.

*Ĉu tiam vi decidis kombini vian profesian laboron kun Esperanto?*

Jes, kaj ekde tiam mi intence enplektis e-istojn en miajn filmojn, en tute naturaj situacioj: ekz. ili prezentis sian urbon. Sed poste, laŭ ideo de Donĉo Ĥitrov, mi realigis la filmon *Esperanto*, prezentitan en la jubilea Varsovia UK, en kiu e-istoj aperis kiel la temo mem. Mi montris la nuntempon, la buntan vivon de E-o: universitatan E-studadon en Budapeŝto, bibliotekon en Vieno, amasajn instruadon kaj turismon en Bulgario, la vivon de esperantista familio en Urugvajo, kongreson en Pekino, religion ĉe Oomoto en Japanio . . .

*Post sia kunsido en marto, la UEA-estraranoj ripoze spektis vian lastan filmon,* Spuroj de la avo. *En ĝi la nepo de Zamenhof ĉiĉeronas nin al urboj en Pollando, Litovio kaj Bjelorusio, en kiuj restadis lia avo.*

Jam de jaroj ekzistis la ideo de tiu filmo, por kiu necesis ke la landlimoj estu finfine traireblaj. Ni filmis ankaŭ en la vilaĝo Veiseiai, kie ni surprize trovis monumenton al Zamenhof, kuracisto tiuloke en 1885-86. En Bjalistoko ni filmis ĉe la plej granda ZEO (Zamenhof/Esperanto-objekto) de la mondo: la 500-persona infankliniko L. L. Zamenhof, en kiu la salono Lidja Zamenhof estis ekipita de Bahaa E-Ligo per ludiloj por mense handikapitaj infanoj.

Resume, ni plenumis interesan itineron, kiun mi povas proponi al ĉiu turismema e-isto. . . .

*. . . kaj produktis vidindan, mendindan vidbendon.* ★

## Filmoj de Dobrzyński

La Libroservo de UEA vendas jenajn VHS-PAL-sistemajn bendojn de Roman Dobrzyński, eldonitajn ĉe la Varsovia Interpress (krom se alie notita):

**Esperanto.** 1987. 45 min. 75,00 gld.

**Bonvenon al Bjalistoko.** Białystok: Centro Zamenhof, 1988. 50 min. Informriĉa prezento de la naskiĝurbo de Zamenhof, kun multaj detaloj pri lia junaĝo. 59,70 gld. En NTSC: 90,00 gld.

**Varsovio cent jarojn poste.** Varsovio: PEA, 1988. 60 min. Raporto pri la 72-a UK. 75,00 gld.

**Reveno al Finnlando,** La. O. Buller, R. Dobrzyński, J. Heikkinen. Varsovio: Pola Televizio/Komunumo Taivalkoski, 1991. 25 min. Vizito de polo al la nordfinna komunumo kie li estis militkaptito. 45,00 gld.

**Ŝafejo de la naŭa profeto.** Belvaux: Bahaa E-Ligo, 1992. 30 min. Historio, celoj kaj aktuala situacio de bahaismo. 45,00 gld.

**Viena ringo.** 1992. 20 min. Gvidilo pri Vieno. 36,00 gld.

**Bona Espero.** 1993. 30 min. Pri la agado de la konata E-farmbieno en Brazilo. 49,80 gld.

**La vizito de la Imperiestro. La kontenta drako. La koncerto.** 1993. 80 min. Dokumentaj filmoj pri Ĉinio. 75,00 gld.

**Malto.** 1994. 30 min. 45,00 gld.

**Spuroj de la avo.** 1994. 30 min. Vd. la intervjuon. 60,00 gld.

*La diligenta kolegaro:*

# Profesiuloj en Ĉinio

***La legantoj de* El Popola Ĉinio *bone konas multajn el la elstaraj e-istoj (kiel ekz. Hujucz, Jelezo, Chen Yuan, Zhang Qicheng kaj Laŭlum) kiuj verkis aŭ verkas por la 44-jara, eleganta kaj riĉe ilustrita monata gazeto. Tamen oni ne trovas en EPĈ la ĵurnalisme kutiman kolofonon kun nomoj de redaktoroj: ĉu pro azia modesteco?***

***25-jara kunlaboranto de EPĈ, Yu Tao, zorgis pri tio ke la revuo ne restu por ni anonima, kiam li vizitis Roterdamon en majo, post partopreno en Strasburga TEJO-seminario (p. 125). Nia revuo jam intervjuis Yu Tao pasintjare (dec., p. 205), tiam kiel prezidanton de Ĉina Junulara E-Asocio. Ĉi-foje ni petis kolegajn konfidencojn de la juna ĵurnalisto.***

*Kiel vi fariĝis profesia esperantisto?*

Mi studis ĉe Radio-Disaŭdiga Instituto kaj lernis Esperanton de akademiano Laŭlum. De tri jaroj mi laboras ĉe *El Popola Ĉinio*. Unue mia tasko estis korespondado kun la legantoj, kaj ekde 1992 mi ankaŭ redaktas la rubrikon de la internaciaj "Esp-novaĵoj". Ĉar mia hobio, krom sporti kaj aŭskulti muzikon, estas precipe legi, mi povas diri ke mia laboro grandparte estas ŝatokupo: mi devas legi multajn eksterlandajn E-gazetojn.

*Kiuj redaktas, kvazaŭ anonime, EPĈ?*

Ĉefredaktoras Wu Xunnan, la du vicĉefredaktoroj estas Tan Xiuzhu (vicprezidantino de Ĉina E-Ligo) kaj Zou Guoxiang (ĝenerala sekretario de ĈEL, komitatano de UEA). La distribuan fakon estras Dai Songen, ĉina ĉefdelegito de UEA.

*Cirkulas onidiroj pri la multeco de la laborantoj ĉe* EPĈ.

Efektive, 60 homoj okupiĝas plentempe, kun diversaj taskoj, pri *EPĈ*. Sed duono de ili, kiuj estas esperantistoj, laboras ankaŭ por Ĉina E-Ligo (ĈEL) kaj Ĉina E-Eldonejo. Se paroli pri ĉiuj salajrataj e-istoj en Ĉinio, necesas aldoni la kunlaborantojn de Radio Pekino, ĉ. 10 homojn.

*Kiom da legantoj havas EPĈ?*

En la 60-aj jaroj la preskvanto de *EPĈ* atingis eĉ 20 mil; nuntempe aperas 3500 - 4000. Oni povas aboni ĝin ankaŭ en Ĉinio. Ĝi kostas relative multe, tamen malpli ol similaspekta kaj samkvalita revuo en la ĉina, ĉar *EPĈ* ne celas profiton. Tial, krom la 3000 eksterlandaj abonoj, ni havas ankaŭ 300 enlandajn.

*Laŭ vi, kio igas* El Popola Ĉinio *aboninda?*

Ne nur la revuo fariĝis lastatempe pli interesa, sed Ĉinio mem. Ni skribas pli nun pri ekonomio kaj pri sociaj problemoj. Sed *EPĈ* celas fariĝi ankaŭ pli movada: ni aperigas pli kaj pli da Esperanto-informoj.

*Ĉu la ĉina registaro plu subtenas E-on? Ĉu la kapitalismiĝo de la ekonomio ne malfavoras la E-agadon, kiel okazas en Orienta Eŭropo?*

La socia sistemo de Ĉinio restas ĉintipa socialisma. La subteno ne ĉesis, ĉar la registaro konscias la komunikan valoron de Esperanto. Tamen, la registara subvencio al *EPĈ* malkreskis, proporcie al la kvanto de abonoj. Tial ni devas nun mem varbi abonantojn, kaj mem zorgi pri la distribuo, kion antaŭe faris Internacia Libro-Komerca Kompanio de Ĉinio. Pro la malpliiĝo de abonantoj en nepagipovaj landoj ni ankaŭ establis helpfondaĵon [vd. la kadron].

La malkresko de subvencioj koncernas ne nur Esperanton: okazas simile al iuj aliaj ĉinaj revuoj poreksterlandaj kiel al *EPĈ*. Cetere, la redakcio de multaj el tiuj situas en la sama konstruaĵo, kaj ni faras diversajn interŝanĝojn kun ili. La aliaj revuoj havas ankaŭ eksterlandajn kunlaborantojn; *EPĈ* iam dungis por kelka tempo eks-redaktoron de *Esperanto*, Geoffrey Sutton.

*"En Ĉinio Esperanto ne estas tiel privilegia kiel antaŭe", kaj persistas nur la veraj aktivuloj — skribis Sabira Ståhlberg en nia revuo (marto, p. 43). Ĉu la populareco de Esperanto malkreskas en Ĉinio?*

En la ĉina la vorto por "Esperanto" estas "mondolingvo", kaj, efektive, nuntempe multaj pensas ke tio signifas la anglan. En 1986 junuloj grandnombre ĉeestis la Pekinan UK, sed nur la plej aktivaj restis en la movado. Tamen, ni aprezu la bonajn signojn, kiel la fondiĝo de Ĉina Junulara E-Asocio kaj de tutlanda asocio de la fervojistoj.

*Ĉu la ĉina movado maljuniĝas?*

Tion mi ne dirus, ĉar la gvidantoj aĝas averaĝe nur 50 jarojn. Tiel ni, pli junaj, havas ankoraŭ dekon da jaroj por prepariĝi al gvidaj taskoj. ★










El Popola Ĉinio: *ĉiam fidela al la epoko.*

La redakcio de *El Popola Ĉinio* kore petas ke esperantistoj de landoj kun bonaj ekonomiaj kondiĉoj monoferu al Fondaĵo EPĈ-Abono por helpi nepagipovajn samideanojn legi la revuon. Abono por evoluanta lando kostas 14,40 usonajn dolarojn. Bv. sendi dolarojn (aŭ alian konverteblan valuton) al la konto A/C No. 71411749 je la nomo "From People China" ĉe "Bank of China", Fuchengmennei Dajie, CN-100818 Beijing, kun samtempa sciigo al ni (EPĈ, P.O.K. 77, CN-100037 Beijing) kun kopio de la banka ĉeko. Oni povas ankaŭ sendi monbiletojn al ni en regisitrita koverto. Antaŭdankon!

*Muziko:*

# “La vojo” havas muzikon

**La aserto de Árpád Rátkai, laŭ kiu “neniu komponis muzikon” por la poemo “La vojo” de Zamenhof (“Himno”, apr., p. 74), provokis viglan esploremon kaj kreemon ĉe niaj legantoj.**

Jean Amouroux (Francio) atentigis nin ke ekzistas almenaŭ kvar komponaĵoj, jam el fruaj tempoj, por “La vojo”. Laŭ *Bibliografio de Internacia Lingvo* de Petro Stojan (1929, p. 433) la plej frua versio, tiu de René Deshays (1870-1940), aperis ĉe la eldonejo Hachette jam en 1903. Sekvis partituroj de H. Botting en Britio (1905), de Witteryck en Belgio kaj de R. G. Tromblin en Londono (1906).

Dum la oficiala malfermo de la Bulonja Kongreso oni efektive kantis “La espero” de F. Menu de Ménil, sed jam en la vespero de la posta tago la komponaĵo de A. Adelsköld por “La espero” kaj tiu de Deshays por “La vojo” estis prezentitaj de Josée Guivy kadre de granda esperantista koncerto en la urba teatro, kun la ĉeesto de Zamenhof.

Jacques Filleul (Francio), komponisto, skribis al ni: “Leginte la artikolon de Árpád Rátkai, mi tuj verkis la ĉi-kunan muzikon, kaj mi proponas ĝin al la tuta esperantistaro. Faru kun ĝi kion vi taksos bona!” Jen do la (minimume) kvina melodio por “La vojo”.

L. L. ZAMENHOF
~ LA VOJO ~
Muziko: Jacques FILLEUL (Francio)
Allegro maestoso (Alegro majeste)

Tra den-sa mal- lu-mo bri- le-tas la- ce-lo Al
Harmonio: F5 C5 F5
ki-u ku-ra-ĝe ni i-ras. Si- mi-le al- ste-lo en-
C7 F5
nok-ta ĉi-e-lo, Al ni la di-rek-ton ĝi di-ras. Kaj nin ne ti-
C5 F5 C5 D5 G7 C5 C7
mi-gas la- nok-taj fan- to-moj, Nek ba-toj de l'sor-to, nek
F5 B5 Eb5
mo-koj de l'ho-moj, Ĉar kla-ra kaj- rek-ta kaj tre-di-fi-
C7 F5 D7 G5 G7
ni-ta ĝi es-tas, la- voj' e-lek-ti-ta.
C5 C7 D5 C7 F5

# Reagoj

**Minoritate, sen kompleksoj**

La artikolo de Lenke Szász (“Ni ne havu kompleksojn!”, marto, p. 50) prave insistas ke ni ne taksu nin mem stranguloj. Se iuj rigardas nin kiel tiajn, ni ne zorgu pri ili. Ilia nescio ne estas peko; peko estas ne provi forigi la nescion.

Aliflanke, ĉiu minoritata grupo logas homojn kiuj *deziras* esti minoritataj. Movado kiel la nia allogas sufiĉe da homoj por trovi inter ili kelkajn vere strangajn specimenojn. Amiko mia havas konaton kiu ne kapablas kunordigi ideojn eĉ hispane, sed — eterna komencanto — li provas esprimi sin Esperante. Kion fari pri li? Ankaŭ lin ni devas akcepti.

Neniam ni hontu pro nia esperantisteco. Iel helpi la homaron ne estas *tiom* eksmoda ideo. Tiuj kiuj vere gravas frue aŭ malfrue apogos nin.

**Alberto García Fumero (Kubo)**

*Lingvo:*

# Misuzo de *akcento*

En konkurso pri erar-spurado, aglookula redaktoro de *Esperanto*, István Ertl, trovis dek tri malĝustaĵojn en n-ro 4/93 de *Internacia Ĵurnalisto*, sed li ne sukcesis trovi gravan pekon kontraŭ laŭregula lingvouzo en sia propra revuo! Temas pri la vorto *akcento* en la sekva frazo: “. . . la partnero volis montri ke, kvankam li parolas ruse eĉ sen akcento, li uzas la nacian lingvon en oficiala traktado kun eksterlandanoj” (*Esperanto*, apr. 1994, p. 62).

La signifo de la frazo estas ke eks-sovetiano kies gepatra lingvo ne estas la rusa, tamen kapablas paroli en la rusa uzante la ĝustajn fonemojn kaj intonacion de la rusa lingvo, kvazaŭ li estus ties denaska parolanto. Erare uzata estas en tiu kunteksto la vorto *akcento*, kiu en Esperanto ne karakterizas la manieron artikulacii sonojn. Laŭ PIV *akcento* estas “plifortigo de la voĉo en la prononcado de unu silabo en vorto”.



## Agi laŭ privata konvinko

R. Schnell (majo, p. 91) deklaras ke privatigo estas "la tendenco de la venontaj jardekoj". Male, ĝi estas la tendenco de la *lastaj* 15 jaroj, kaj en pluraj landoj preskaŭ ĉio privatigebla estas jam privatigita. Progresas partioj kiuj rifuzas plian privatigon. Mi estas membro de partio tiutendenca. Mi neniam faris, kaj esperas neniam fari, profesian laboron profitigan en kapitalisma senco. Se tia estas la etiko de mia neesperantista vivo, kial mi agu alie en la e-ista vivo?

La homoj, precipe la e-istoj, ĉiuokaze difinas siajn celojn kaj metodojn malpli laŭ la momenta aspekto de la ĉirkaŭa mondo ol laŭ *siaj* internaj etiko kaj psikologio. Mi esperantumas ne tiel kiel mi "devus" fari, sed tiel kiel konvenas al mia karaktero. Se mi havas pri la estonto de nia mondo aspirojn politikajn kaj sociajn kiuj ne estas laŭmodaj, estas mia tasko labori por ke ili estu pli vaste akceptataj. Tiuj aspiroj inkluzivas, kompreneble, E-on, sed kiel parton de multe pli vasta celaro: miakaze, federacia sed decentrigita Eŭropo, kun regionaj lingvoj por la regionoj, landaj lingvoj por la landoj kaj komuna lingvo por la kontinento (kiel diris Lapenna antaŭ jardekoj). Do, se ni volas difini niajn celojn kaj metodojn, unuavice ni rigardu la homojn kiujn ni havas, aŭ povus akiri, ni rigardu iliajn aspirojn kaj opiniojn, kaj agu laŭe. Se ni provos trudi al la homoj agadmanierojn kiujn ili ekster la E-movado ne aprobus, ni nenium entuziasmigos.

Geoffrey King (Britio)

## Respekton ne nur por minoritatoj

En majo 1993 (p. 81) Hans Bakker, estrarano de UEA, pejorative blekis pri "tiu internacia ĵargono kiun oni nomas 'la angla'". Samnumere (p. 87) Jaan Ojalo, la prezidanto de E-Asocio de Estonio, elsputis la sensencan esprimon "usona pseŭdokulturo".

Atentu la terminon *pseŭdokulturo*, kiun ankaŭ aliaj e-istoj (ekz. Claude Piron kaj Attila Salga) uzas. La prefiks-radiko *pseŭdo* signifas "falsa", "neaŭtenta"; sekve, pseŭdokulturo estas surogata, malvera, neoriginala. La usona kulturo, male, estas reala kulturo kun pli ol dujarcenta historia kaj sociologia evoluo kaj kun la atributoj de plena kultura disvolviĝo en ĉiuj sferoj de la vivo. Aktuale, ĝi estas la plej potenca kulturo en la mondo, kaj ĝia lingvo, la angla, estas efektive la internacia lingvo. Tute nerealeca estas la emocia reagado de miopaj, mallarĝmensaj e-istoj, kies kriaĉado kontraŭ la angla lingvo kaj la usona kulturo same efikas kiel ululado en uragano.

Ne nur minoritataj kulturoj kaj lingvoj bezonas respekton kaj protekton; ankaŭ grandkulturoj devas esti liberaj de nigrigo. Estas, do, konsilinde, ke la redakcio de *Esperanto* ne permesu aperon en la oficiala organo de UEA de kalumniantaj esprimoj kiel tiuj cititaj. Alie UEA riskos fariĝi komplico de grupo de ŝakalecaj rabiuloj.

Bernard Golden (Hungario)

## La tubero en la afero

Pluraj generacioj de esperantistoj misuzis *akcento* por karakterizi devian parolmanieron influatan de la fonetika sistemo kaj fraz-melodio de iu etnolingvo, ĉar tiun signifon havas la polisemiaj vortoj *accent* en la angla kaj *Akzent* en la germana. Por provi dekutimigi esperantistojn je tiu misuzo, la vortaristoj kiuj kompilis la Suplementon de PIV, enkondukis la neologismon *akĉento* kun jena difino: "tuto de la artikulaciaj kutimoj, kiuj donas apartan koloron — societan, dialektan aŭ fremdan — al la parolo de unu persono." Estas antaŭvideble, tamen, ke *akĉento* ne solvos la problemon. Ĝi estas kuracilo pli noca ol la malsano mem.

## La plago de paronimoj

Similformaj vortparoj kiel *akcento/akĉento* estas nomataj paronimoj — vortoj preskaŭ samsonaj inter si sed sence malsamaj. Ili prezentiĝas kiel nesupereblaj stumbligiloj al ĉiuj esperantistoj — ne nur lernantoj kaj komencantoj, sed ankaŭ longtempaj uzantoj de la lingvo kaj eĉ Akademianoj! Kiom da e-istoj povas senhezite ĝuste difini kaj uzi en kunteksto parojn kiel *elektronal elektronika, arbitra/arbitracia, rakedo/raketo, dezerto/deserto*, el kiuj ĉiu estis foje misuzata de renoma e-isto?

Estas ja evidente ke paronimoj konsistigas unu el la grandaj malfacilaĵoj de Esperanto. Sekve, leksikografoj devas malkonsili iliajn kreon kaj uzon. La registrado de *akĉento* en la Suplemento estas mispaŝo.

## Pledo por polisemio

Laŭ komento kiun mi ricevis pri la unua versio de tiu ĉi artikolo, oni akceptu ambaŭ signifojn por *akcento*, la ĝustan kaj la ĝis nun neaprobindan, ĉar tiel (mis)uzis la vorton "pluraj generacioj de e-istoj". Tiu konsilo estas nepre rifuzenda, precipe ĉar estas ankoraŭ unu tubero en la afero. Ekde la unua tempo *akcento* ricevis duan eraran signifon, kiun registras la *Plena Vortaro* de Émile Boirac (1909-10):

> *AKCENT'I plilaŭtigi la voĉon sur unu silabo de vorto; † supersigni literon; † elparoli laŭ speciala maniero.*

La ponard-signo signifas ke tiu uzo ŝajnis al li nerekomendinda. Tamen, eĉ hodiaŭ estas e-istoj kiuj parolas pri *akcentitaj* literoj, anstataŭ *supersignitaj, ĉapelitaj, tegmentitaj, havantaj diakritilojn*. Estas, do, evidente ke polisemio de *akcento* ne solvos la problemon, sed kreos pli da konfuzo.

## Proponoj por eviti la paronimon

Se estas eble neambigue esprimi la signifon de *akĉento* alimaniere, ĝi ne devas eniri la leksikon de Esperanto. Jen kelkaj proponoj konsistantaj el substantivo kvalifikita de adjektivo.

1. ritmita aŭ muzikeca intonacio de itallingvaj esperantistoj
2. arkaika prononcmaniero de izolitaj ruranoj
3. kartava elparolo de francoj kaj skotoj
4. hispaneska misprononcado de Esperantaj formoj
5. palataligita Esperanto-parolo de slavlingvuloj
6. regiona aŭ fremd(lingv)a frazmelodio
7. kanteca elparolo de orientanoj
8. kadencita prononcado de svedoj

Bernard Golden (Hungario)



# Recenzoj

## Oni estimu lian skandalecon

**Florval kaj Courval aŭ fataleco.** Markizo de Sade (1740-1814). El la franca trad. Armela Le Quint, Ĵak le Puil. G.R. Ledon, 1992. 80p. 21cm. 10,80 gld.

Ĉu vi, estimata legant(in)o, kapablas incesti kun la frato kaj la patro, murdi la amatan filon, poste patrinon? Ĉe tio kristane kredi dion kaj kroni la vivon per suicido? Ĉu vi kapablas preni kiel edzinon la ĵus menciitan ineton-filinon kaj trovi ŝiajn pekojn-murdojn nature pardonindaj?

Sade trovas logikan argumentaron ke vi kapablas al ĉio ĉi en certaj kondiĉoj. Dum legado vi ne unufoje povus diri: jes, ankaŭ mi agus kiel la protagonistino. Ne ĉar ni estus apriore nocaj kaj nocivaj, sed — banale — ĉar la morala leĝo en ni ne estas dogmo vortumebla unufoje por ĉiam, kaj tiu morala leĝo eble ja estas ĝuste tiu "bona Dio" kontraŭ kiu tiom pasie elpaŝadis dum la tuta vivo Sade. La epoko de Sade mortigis la "bonan Dion" antaŭ liaj okuloj, kaj la *dia markizo* kreis sian "malbonan Dion", provante doti per la Dia povo homon, aparte sin mem, ne kiel realan personecon, sed almenaŭ kiel aŭtoron: unu el la ĉeftemoj en la literatur-filozofia sistemo de Sade estas pruvi ke ju pli di-kredanta kaj bon-mora estas protagonisto, des pli li meritas ĉiaspecajn plagojn. Kaj male — ju pli krimo-porta, perfortema kaj perversa estas homo, des pli li proksimiĝas al "diaj" potencoj.

Kontesti ke la verkaro de Sade estas unu el la plej skandalaj, malpovas eĉ tiuj kiuj kun W. Auld trovas *Florval* "senvalora kaj, eĉ pli malbone, seninteresa"[1]. "Oni estimu en Sade almenaŭ lian skandalecon"[2]. Kio do kaŝiĝas malantaŭ tiu skandaleco?

Freŭdisma literatur-kritiko malkaŝe respondas: "perforto, agresemo interesas kaj logas nin, ĉar agresemo karakterizas nin ĉiujn, ĝi ĉeestas en la animo de ĉiu el ni, krom homoj handikapitaj kaj eble apartaj sanktuloj". Ĉu efektive?

Sade ne inventis sadismon, kiu ekzistis antaŭ lia naskiĝo kaj floras plu dise kaj are tra nia planedo. Li montras kiamaniere el la plej simplaj deklaroj, kiel homa egoismo, strebo al individua ĝuo, troviĝantaj en la fundamento de lia filozofio, oni trafas



*Kio kaŝiĝas malantaŭ tiu skandaleco?*

la mondon de korp-aŭtomatoj elpremantaj ĉiomon el la hazardeco de la propra ekzisto: "Kian malbonon, kian ofendon mi faras, dirante al bela kreitaĵo kiun mi renkontas: donu al mi parton de via korpo, kapablan kontentigi min por momento, kaj ĝuu, se vi deziras, la mian, kiu povas esti al vi agrabla?" — kaj konsekvence iras al primareco de absoluta homa soleco, kun la sola kondutnormo preferi ĉion plezuran por individua "mi" sen atento pri sekvoj al aliaj: ne gravas ke plej bagatelan mian ĝuon mi devas akiri eble per amasego da krimoj, se ĝuo bonefikas min, ĝi estas en mi, dum rezultoj de miaj krimoj ne koncernas min, estas ekster mia memo. Tiu nur-fiziologia etiko, kiam ĉies korpopartoj estas "miaj", kiam al ili direktiĝas ĉiuj miaj deziroj, kaj male, mi cedas miajn korpopartojn al ĉiuj eblaj aliaj (eĉ pli: miaj korpopartoj ekskluzive apartenas al ĉiuj aliaj), kondukas finfine ne al morala reformo, sed al iuspeca hom-mutacio kaj korpokataklismo.

Se ni deziras forvenki sadismon el nia vivo, samkiel ni plejparte venkis epidemiajn malsanojn, ni devus ne forgesigi la verkojn de Sade, nek forturni honteme la okulojn, sed provi kompreni la kialojn de la fenomeno kaj serĉi rimedojn por eliro.

Sade mem emfazas: "Mi deziras ke ĝin [temas pri krimo — A.F.] oni vidu klare, ke oni ne timu ĝin, ke oni ne malamegu ĝin, kaj mi ne scias alian vojon por atingi la celon, krom montri ties tutan hororecon, karakterizantan ĝin. Plagon al tiuj kiuj kronas ĝin per rozoj."[3]

El la vidpunkto de la nuna literatura gusto la stilo kaj literaturaj valoroj de *Florval* povas prezentiĝi iom enuaj. Sed kun tia maljusta aliro ni rajtus forgesti la tutan literaturon de la tiama epoko. Kiu trovas plaĉon en la lingvostilo de Voltaire, tiu sukcesos ĝui ankaŭ la lingvostilon de Sade, almenaŭ en tiu ĉi verko, legebla "unuspire" en flua Esperanto.

**Aleksandr Fedorov**

NOTOJ

1. William Auld: Mazoĥisma recenzo. *La Kancerkliniko* 66, apr-jun. 1993, p. 15.
2. Maurice Blanchot: Lautréamont et Sade. Paris: Minuit, 1963.
3. Sade: Idées sur les romans. Paris, 1878, p. 49.

## Majstra kruelaĵo

**La Majstro kaj Martinelli.** Georgo Kamaĉo. Saarbrücken: Iltis, 1993. 28p. 21cm. 12,00 gld.

Satiro estas artformo esence kruela: ĝi celas moki kaj publike ridindigi homojn, kaj se ĝi ne estas malic(et)a, ĝi ne meritas la nomon satiro. Mi ŝatas pensi ke tial ĝi estas artformo relative malofta en nia literaturo — bonhumoraj versaĵoj kiel "Esperanta eliksiro" de Schwartz aŭ "Estas mi esperantisto" de Baghy ne estas vere satiraj, laŭ mia opinio — kvankam Fernando de Diego atentigis en sia recenzo *(Fonto*, 157, jan. 1994, p. 31) ke "abundas en nia frateca Movado skribaĵoj rekte ofendaj sed nudaj je ia literatura pretendo". Li pravas: satiro pravigas sin, kiam ĝi ja pravigas sin, nur per literatura valoro kaj rimarkinda sprito. Tiurilate *La Majstro kaj Martinelli* estas — pardonu la vortludon — majstra. Sed ĉu pravigebla?

# Defio al neŭrozaj antaŭjuĝoj

**Le défi des langues. Du gâchis au bon sens** (La defio de la lingvoj. De fuŝa funkciado al sana prudento). Claude Piron. Paris: L'Harmattan, 1994. 335p. 21 cm. 78,60 gld.

Informlibro pri Esperanto kaj pri la monda lingvo-problemo ne estas malofta aperaĵo. Pli malofta tamen estas libro kiu dum la unua duono (p. 1-164) prezentas problemon kies solvo aperas kaj traktiĝas nur en la dua duono (p. 165-334)!

Ĉeftemo de Piron estas la internacia plurlingva komunikado, kaj la "lingvopolitiko" praktikata (aŭ nur propagandata) de naciaj kaj internaciaj instancoj, de specialistoj kaj de intelektuloj. Li tezas ke la internacia komunikado nuntempe estas malsana, ĉar la komuniko-partneroj tro ofte kapablas nur iel-tiel interkompreniĝi. Tiu ieleco kreas solecon, vundeblecon, nejusteco-senton, unuflankecon ĉe almenaŭ unu el la partneroj. Sed eĉ la viktimo de tiu situacio ĝenerale ne sentas tion io patologia, sed nur io neevitebla, nesolvebla.

Malsano transformiĝas al nediskutebla mito. Kaj ignoro faciligas profiton el la nescio de individuo. Tial naskiĝas trompaj sloganoj: eblas lerni lingvon en tri monatoj; ĉiu ajn povas lerni iun ajn lingvon; facile eblas esti trilingva ktp.

Ĝenerale miskonate estas ke la lingvoj estas malfacilaj; ke la homoj malsamas inter si rilate sian kapablon lerni lingvojn; ke alproprigo de alilingva kulturo estas procezo ebla, sed longa, malfacila kaj limigita; ke ekzistas lingvoj pli kaj malpli malŝparemaj el lerna kaj uza vidpunktoj.

Komunikantoj ofte spertas malfacilaĵojn, sed ili timas informi pri tio sian partneron. Pli ofte, tamen, ili ne scias ke temas pri vaste disvastiĝinta sento. Ili eĉ kredas ĝin normala.

La aŭtoro informas detale pri la plej gravaj partsolvaj komunikadorimedoj: signo-lingvoj, gesto-lingvoj, akceptata misparolo, unudirekta lingvouzo, interpretado, samtempa tradukado, aŭtomata tradukado.

Kontraŭ tiuj partaj rimedoj kolizias la fakto ke rekta lingva kontakto estas certe la plej akceptebla en komunikada situacio. La vera problemo, asertas Piron, estas ke en tiu rekta kontakto oni ne uzas la plej oportunan ilon: lingvon kiu sekvas preskaŭ ekskluzive la psikologian leĝon de ĝeneraliga asimilado.

Kaj jen, je ĉi tiu punkto la aŭtoro enkondukas la taŭgan solvon: pontolingvon, kiu rolu en egaleco-celaj internaciaj kulturaj kaj sciencaj rilatoj. Tiu "solvo" estas Esperanto.

La pritrakto de E-o estas same longa, detala kaj ekzakta kiel tiu de la interlingva komunikado. Abunde la aŭtoro demonstras ke E-o estas lingvo principe sen esceptoj, arbitraj formoj, kapricaj idiotismoj. Li aliras iom post iom la gramatikon, vortaron, faktan lingvouzon, literaturon de la lingvo ktp.

Piron trovis ke la rilato inter la mondo kaj Esperanto similas al neŭrozo. Esence, neŭrozo estas kaŝado, timo kaj nekono de la propra personec-kerno. Se tiu klopodas montriĝi, tiam la individuo "defendas" sin kontraŭ la ĝena kaj nedezirata kerno per diversaj mekanismoj, kiuj blindigas rilate tiun kernon mem.

Tiuj mekanismoj funkcias ne nur en individuoj, sed ankaŭ en la socio. En nia socio ilin favoras la relativa malriĉeco de la E-komunumo, kiu ne povas "prevente" informi pri sia lingvo. Sed ekzistas pluaj obstakloj kontraŭ kiuj kolizias la scio pri E-o.

La unua obstaklo estas la komunika elito, ofte vere plurlingva, kiu ne volas senposediĝi de sia privilegio.

La dua obstaklo estas psikologia: la origino de Esperanto timigas onin. Por multaj homoj lingvo estas io intime ligita al nia plej frua infaneco. Pro tio ili timas specon de atenco kontraŭ ilia propra animo, ĉar ili timas ke la celo de Esperanto estas neniigi la ekzistantajn lingvojn!

Ke temas pri juĝoj esprimitaj sen kono kaj sen pruvoj, tion klare montras ke la (antaŭ-)juĝoj pri Esperanto fakte estas kategoriecaj eldiroj, faritaj sen ajna esploro aŭ sperto, esprimo de nekonsciata nekono.

Sed fakte ne ĉiuj estas same "senkulpaj", ĉar la politikistoj, ekzemple, ja scias kiom ili investas en siaj lingvoinstruaj planoj, kaj kiom malmulte ili atingas per tio. E-o proponas pli favoran rilaton inter kosto kaj profito, el psikologia, kultura kaj organiza vidpunktoj.

Tiu ĉi libro estas tre franceca, tre psikoanaliza: klara, racia, kohera, konsekvenca. Piron estas ja franclingva klerulo, kaj psikoanalizisto. Li kredas je tiuj valoroj.

Sed eble ili ne respondas al tio kion la homoj fakte deziras. Eble la "normala" homo ne estas ulo raciema. Supozeble hodiaŭ plej multaj el niaj kuncivitanoj deziras sekvi la malnovan vojon de komunikado, malgraŭ ĝiaj kostoj kaj teknika nesufiĉo. Ĉar tiel ili ne bezonas investi ion plian. Kion ili havas, tio sufiĉas al ili. Povas esti ke ili perceptas la esperantistojn iom trudaj, iom kritikaj rilate iliajn preferojn kaj elektojn (kiuj, cetere, estas majoritataj elektoj).

Libro kiel *Le défi des langues* estas vera helpo por komprenigi al homoj ne tro sklerozaj ke, tamen, io nova ne nur fareblas, sed ankaŭ farindas. Mi varme esperas ke ĝi trovos tradukon kaj adapton al aliaj lingvoj.

**Tazio Carlevaro (Svislando)**

---

Konata anglikana pastro skribis iam pri religio: Tio kio *postulas* respektegon, invitas mokadon. Estas normala homa emo pinglopiki pufecon, kaj tial diversaj publikaj figuroj, kies agado estas respektinda, kelkfoje ne ricevas la meritatan aklamon. Juĝu mem ĉu la tre respektindaj kaj plenumivaj celitoj en tiu ĉi satiro meritis sian sorton.

Sed mi devas klarigi pri kio fakte temas. La mondkonata romano de Bulgakov liveris al Kamaĉo oportunan framon por ridindigi la ne tre kaŝe nomitan Georg Silber kaj ties edzinon. Li tion faris per vigla rakonto plenplena je aludoj al nia efektiva movado kaj literaturo; konfesinde, sufiĉe multajn el ili mi ne sukcesis kapti aŭ komprenis nur svage. Tiuj kiujn mi komprenis, estas sufiĉe trafaj en la kunteksto. La rakonto estas amuza kaj leginstiga. Sed dum mi salutas la spriton de Kamaĉo, mi vartas rezervojn pri ĝia motiviĝo.

**William Auld (Skotlando)**

# Hatifnatoj kaj hemuloj — homaj

**Muminvalo** (1963). Tove Jansson. El la sveda trad. Eckhard Bick. Helsinki: E-Asocio de Finnlando, 1993 (2-a eld.). 109p. 25cm. Ilus. 18,00 gld.

"Muminvalo" estas imagita tereno en la fantazio de Tove Jansson, verkistino loĝanta en Finnlando kaj verkanta svede, valo kiu el la nordia kulturo translokiĝis en la komunan geografion de la mondaj legantoj.



*"Mi estas la Mumintrolo. Mi trovis ion, kion vi ne divenas. Neniam, je mia eterna vosto!"*

Jen ankaŭ ni, kiuj ricevas mesaĝojn el aliaj literaturoj per Esperantaj pontoj, povas deklari tiun valon nia. La loĝantoj de Muminvalo ne troveblas en ordinaraj bestolibroj: Muminpatro, Muminpatrino, Mumintrolo, hatifnatoj, hemulo, Mim, Snif, knutulo, el la fantazio de la verkistino ekloĝis en trankviliga nordeska pejzaĝo. Tiuj estaĵoj havas la fantaziajn ecojn de la nordiaj troloj, kaj ili ĉiuj kondutas tiom home. Ili estas saturitaj per rekoneblaj homaj ecoj, kortuŝaj aŭ forpuŝaj.

Ili plensange vivas sian kaj nian vivon, ligitaj al arbara kaj mara pejzaĝo multe pli profunde ol ni, kiuj tie estas rapidantaj fremduloj. Iliaj rilatoj al posedaĵoj, ironio, timo, konjekto kaj sopiro estas tiom universalaj ke ni bedaŭru ĉiun leganton kiu maltrafos *Muminvalo*. La libro leviĝas alten, signife supren el la regula kategorio de la infanlibroj al kiuj oni supraĵe lokus ĝin. Bick kreis Esperantan Muminvalon per nekaŝebla amo al ĝiaj loĝantoj kaj per profunda estimo al la verkistino, kaj sukcese plantis en sian tradukon la senteblan vivĝojon de la originalo.

**Spomenka Štimec (Kroatio)**

# Petolo kaj puno

**Emilo de Smolando.** Astrid Lindgren (1907). El la sveda trad. Harold Brown, Kerstin Rohdin. Motala: Progreso, 1993. 72p. 21cm. Ilus. 15,60 gld.

La ĉefpersono en la libroj de la sveda Astrid Lindgren estas ĉiam infano, ofte en konflikto kun la ĉirkaŭa mondo de la plenkreskuloj. La infano renkontas kaj solvas problemojn, kaj invitas al identiĝo.

Ankaŭ Emilo estas tre sendependa, inĝenia knabeto, kiu ofte petolas tamen ne malica, funde tre bonkora. Liaj petolaĵoj ofte direktiĝas al lia patro. Por puniĝi, Emilo ĉiam devas sidi en lignaĵistejo — kie li bone uzas la tempon farante lignajn figurojn.

Inter la libroj de Lindgren plej multe tradukitaj estas tiuj pri Pipi. (En Esperanto aperis de ŝi *La frato Leonkoro*, 1987, kaj *Pipi Ŝtrumpolonga*, 1989.) Ĉu eble pro tio ke Pipi ŝajnas pli ekstertempa kaj ekstermedia ol ekzemple Emilo? Pipi ja simple ne povus ekzisti en la materia mondo, dum Emilo estas pli ligita al sia sveda kampara medio komence de ĉi tiu jarcento. Tamen mi kuraĝas kredi ke Emilo povas diri ion al infanoj (kaj plenkreskuloj!) en kiu ajn lando.

La tradukintoj sufiĉe bone sukcesis. Tamen la lingvaĵo foje estas iom tro analiza, kun pezaj kunmetitaj formoj ("Kiam li estis englutinta ĉion . . .", p. 60). Kaj kial diri *enigi*



# Kanzoni laŭ franca spirit'

**Francaj kanzonoj malnovaj kaj modernaj.** El la franca trad. R. Bernard, G. Waringhien. Saarbrücken: Iltis, 1991. 128p. 21cm. 33,60 gld.

". . ekstrakt' de la animo / kaj kvintesenc' de nia kor' . . ." — ne longe oni devas foliumi por ekscii en kiu mondregiono batas tiu ĉi koro, pri kiuspeca animo temas. Francoj estas la aŭtoroj de la tekstoj en tiu ĉi libro, francaj la sentoj, la intrigoj, la eventoj, la etoso. Kaj sendube franco estas ankaŭ la unualoka tradukinto, Roger Bernard (parteton kontribuis laŭ popolaj kantoj Gaston Waringhien, por "najbari" la kolegon, kiel li modeste komentis en sia antaŭparolo).

Temas pri — laŭ la librotitolo — francaj "kanzonoj", precize pri poemoj, kiuj fariĝis intertempe popolkantoj, operaj arioj, operetaj kantaĵoj, lidoj, muzikaj modaĵoj kaj, precipe, kanzonoj en la senco de la franca termino *chanson*, eĉ tipaj "Montmartraĵoj". Bernard tradukis ilin — libroforme nun ofertiĝas iom pli ol 50 el entute 200 — unuavice por la prezentadoj de la fama Pariza kabareto La Tri Koboldoj. Jen fakte dokumento el la verda historio. Trafe la tradukinto sukcesis translingvigi plezurojn kaj angorojn de amo kaj amoro. La gamo etendiĝas de dolĉaj sopiroj ĝis krudaj plenumoj.

Foje facila, facilanima tono en la originaj tekstoj speguliĝas ankaŭ en la Esperanta versio: jen lingvaĵo eksterordinare konforma, konvena, jen linioj iom ĝenaj pro troaj licencoj. Ne estas facile — ankaŭ en naciaj lingvoj aperas tiu problemo — traduki ne nur laŭ ritmoj kaj rimoj jam fiksaj, sed aldone laŭ la bezonoj de jam ekzistanta melodio. Ĉu tiuĉikadre insisti pedante? Eble oni uzu pli mildajn mezurilojn por la leĝera muziko. Sendube Bernard siatempe plene kontentige distris siajn aŭskultantojn. Tamen mi ne povas rezisti ekzemple citi verslinion kiel "Ĝi estis pano nur kun ben'" (korektita laŭ reganta ritmo), kiu aperas en la

anstataŭ *meti* (p. 7) aŭ *sidigi sin* anstataŭ *sidiĝi* (p. 50)? Kial daŭre *farmo*, kiam temas pri *bieno*? La dialogoj en la originalo estas vivoplenaj grandparte pro la parola lingvo, dialektaj trajtoj kaj infanlingvo; el tio restis pli-malpli nenio en la unustila traduko. Tamen: nun ankaŭ Emilo parolas Esperanton. Konatiĝu kun li!

**Maria Sandelin (Svedio)**



*Kiam Emilo enigis la kapon en la supujon*

libro jene: "Estis ĝi nur pano kun ben'". Bonvolu akcenti laŭ la jamba ritmo . . .

La libro estas belaspekta, kun fortika verda kovrilo, tie eĉ kun muziknotoj. Sed ene tute mankas muziko, laŭdire pro spacomanko. Ni kredu ke en la kapo de Bernard la tekstoj estas nedisigeble ligitaj al siaj melodioj. Sed ordinaraj muzikistoj bezonas notojn, se ili esence apartenas al la tuto. Ne estas granda helpo la aserto ke "la partituroj estas facile akireblaj en la *Librairie Musicale de Paris* [Pariza Muzika Librejo]." Mi ne provis kaj vi ne provos. Kompense, la eldoninto aldonis tradukon de la ciklo "Amo de poeto" (*Dichterliebe*) de la germano Heinrich Heine, kiu ja mortis Parize en sia "matraca subterejo". Tiel fermiĝas la cirklo: Francujo akceptas la mondon kaj radias en la mondon. Roger Bernard peris ĉarman parton de tiu ĉi kulturo en nian lingvon. Jen tekstoj kun tipe francaj, Parizaj trajtoj, kiuj tamen instigas ke ankaŭ alikulturanoj rekonu sin en ili.

**Franz-Georg Rössler (Germanio)**

# Laste aperis



**Aforismoj. Groneroj de saĝeco.** Komp. kaj e-igis Eduard V. Tvarožek (1920). Poprad: SEA, 1992. 84p. ISBN 80-85586-02-9. 21cm. Eldiroj de famuloj pri ĉiaj temoj. Kun tema kaj aŭtora indeksoj. 7,50 gld.

**Afrik' amo. De blanka Afriko ĝis nigra Afriko per bicikloj.** Dimitri. Lille: la aŭtoro, 1994. 329p. 21cm. Kun mapoj. Anekdotplena rakonto pri bicikla vojaĝo tra sep afrikaj landoj en 1987. 42,90 gld.

**Aktoj de Internacia Scienca Simpozio "Esperanto 100-jara".** Div. aŭtoroj. Red. H.M. Maitzen, H. Mayer, Z. Tišljar. Vieno/Maribor: E-Laborkomitato Aŭstria/Pro Esperanto/Inter-kulturo, 1994. 249p. ISBN 961-6075-02-0. 20cm. 21 prelegoj el simpozio ĉe la Universitato de Vieno (28-30 okt. 1987), kun la postaj diskutoj. 38,40 gld.

**Being colloquial in Esperanto. A reference guide for Americans.** David K. Jordan (1942). Lanham: Univ. Press of America, 1992. 267p. ISBN 0-8191-8646-5. 22cm. Referenca gramatiko por progresintoj, kun multaj ekzemploj kaj listo de malfacilaj vortoj. 51,00 gld.

**Buŝo plena je tero** (1974). Branimir Šćepanović (1937). El la serba trad. Antonije Sekelj (1906-1987). Beograd: T. Kapista, 1994. 108 p. ISBN 86-901073-5-5. 18cm. Streĉa psikologia romano pri pelantoj kaj pelato, aperinta en 24 lingvoj. Aldone: la fragmento *Honto*, tradukita de Lucija Borčić. 17,40 gld.

**Emilo de Smolando.** Astrid Lindgren (1907). El la sveda trad. Harold Brown, Kerstin Rohdin. Motala: Progreso, 1993. 72p. ISBN 91-87320-08-8. 21cm. Ilus. Aventuroj de petolega, sed bonkora knabeto. De la aŭtoro de *Pipi Ŝtrumpolonga*. 15,60 gld.

**Esplorvojaĝo** (1905). Jules Verne (1828-1905). El la franca trad. István Ertl. Paris: UFE, 1994. 40p. ISSN 0775-7698. 21cm. Kun studo de Jean Amouroux. Romanfragmento en kiu Esperanto grave rolas; el la postlasaĵo de la aŭtoro, 13,50 gld.

**Humoristische trekken in de Esperanto-literatuur** (1969). A.J. Middelkoop (1913). Trad. J.Ph. Punt. Dulingva: nederlanda-E. Esperanto ĉe la Instruado, 1994. 46p. 21cm. "Humuraj trajtoj en la E-literaturo". Publika lekcio ĉe la Universitato de Amsterdamo. 7,50 gld.

**Kolera afero.** Ronald Cecil Gates. Antwerpen: Flandra Esperanto-Ligo, 1993. 88p. ISBN 90-71205-48-7. 21cm. La ĉefrolantoj de *La septaga murdenigmo* "refoje kunlaboras por solvi murdon okazintan apud fikcia aŭstralia kampara universitato". 12,00 gld.

**Krimo kaj puno** (1866). Fjodor Dostojevskij (1821-1881). El la rusa trad. A. Parfentjev. Jekaterinburg: Sezonoj, 1993. 485p. 20cm. Bind. Serio Oriento-Okcidento n-ro 28. Unu el la plej famaj romanoj de la mondo: la juna studento Raskoljnikov murdas oldulinon. Ĉu individuo, "penanta agi racie, povas liberigi sin de la juraj kaj moralaj normoj de la socio?" (A. Korĵenkov). 48,00 gld.

**Let's learn Esperanto. The International Language.** P.V. Ranganayakulu (1958). Vijayawada: NIG, 1993. 133p. 21cm. La unua anglalingva E-memlernilo por bharatanoj (vd. ankaŭ marto, p. 42). 15,00 gld.




*Ĉu krimo aŭ puno? La valoraj libroj de la eldonejo Sezonoj aperas nur en 200 ekzempleroj!*

**Malica komizo, La.** Wenceslao Fernández-Flórez (1885-1964). El la hispana trad. F. De Diego. Jekaterinburg: Sezonoj, 1993. 166p. 20cm. Bind. Humura romano kies intrigon fonas la ekonomia krizo de la 30-aj jaroj. 15,00 gld.

**MENDU ĈE LA LIBROSERVO DE UEA,** Nieuwe Binnenweg 176, 3015 BJ Rotterdam, Nederlando. Bonvolu atenti ke al ĉiuj netaj prezoj de libroj sendotaj al adresoj en la Eŭropa Unio aldoniĝas 6%, al tiuj de diskoj, insignoj k.s. 17,5% pro la aldonvalora imposto. Al ĉiuj netaj prezoj aldoniĝas 10% por sendokostoj. Minimumaj sendokostoj estas 5 gld. Antaŭdankon pro via mendo!

# Loke



## Ĉinio: Ekfloras fakasocioj

La 15-an de aprilo en Pekino fondiĝis Ĉina Filatela E-Asocio kaj Ĉina Vejĉia E-Asocio (*vejĉio* estas ĉina go-ludo). Tri tagojn poste naskiĝis, okaze de tritaga medicina E-konferenco en Zaozhuang, Ĉina Medicina E-Asocio. La prezidantoj estas Zhu Mingyi (ĈFEA), Mei Luo (ĈVEA) kaj Tu Bing (ĈMEA). Ĉiuj novaj fakaj asocioj fariĝis grupaj membroj de Ĉina E-Ligo kaj estas kontakteblaj per ties adreso: P.O.K. 825, CN-100037, Beijing. (Wang Jianbing).

## Irano: IREJO ekiras

Irana E-ista Junulara Organizo (IREJO), kiun junaj aktivuloj fondis en julio 1993, nombras jam 100 membrojn (plejparte studentojn) kaj eldonas dumonatan bultenon. Post unua kurso pasintan oktobron ĉe la universitato de Tabriz, ili planas organizi kursojn ĉe kvar aliaj universitatoj. IREJO bezonas multajn kontaktojn: P.O.K. 17765-184, Tehran-17.

## Italio: Esperanto-katedro

La Universitato de Torino starigis katedron pri interlingvistiko kaj esperantologio, kie prof. Fabrizio Pennacchietti ekinstruos en la studjaro 1994/95. Ĉe la Roma universitato La Sapienza, la fama lingvisto prof. Tullio de Mauro kaj Renato Corsetti estis la referantoj de Silvia Lacquaniti, kiu doktoriĝis la 28-an de aprilo pri "Esperanto: teoriaj problemoj" kun maksimuma laŭdo. En Triesto la konata juna aktivulo Daniele Vitali iĝis doktoro kun sama kvalifiko pri tradukado. (*L'esperanto*)

## Nederlando: Ministraj demandoj

Sub prezido de la nederlanda edukministro Jo Ritzen, 37 ministroj pri instruado kaj financoj el orient-eŭropaj landoj kunvenis aprile en Heemskerk. En sia salutparolado la urbestro de Heemskerk, s-ro W. J. Hoobroeckx, demandis la ĉeestantojn ĉu ne estus konsilinde okazigi kolokvon pri edukado en Esperanto. (*Fenomeno*)

## Niĝerio: Konkeri la nordon

En oktobro 1994 Niĝeria Junulara E-ista Klubo (NIJEK) ekrealigos sian projekton "Konkeru la nordon". Du NIJEK-membroj prelegos kaj instruos en la nordaj federaciaj ŝtatoj Bauchi kaj Tarraba, kie studentoj jam lernas koresponde E-on. NIJEK bezonas ĉian helpon: p/a s-ro Henry O. Oguinye, P.O. Box 3059, Owerri, Imo State.

## Pollando-Rusio: Kongresi eŭrope

De la 26-a de septembro ĝis la 4-a de oktobro okazos en Komańcza la Kvara Politika kaj Esperanta Semajno, kie surprogramos renkontiĝoj kun politikistoj, intensa Esperanto-instruado kaj dutaga ekskurso al Lvovo en Ukrainio. La organizanto, Wojciech Soczówka (Rathausstr. 92, Mariendorf, DE-12105 Berlin, Germanio), ankaŭ prezidas Eŭropan Federacion, kies Dua Kongreso kunvenos inter la 17-a kaj 19-a de novembro ĉe la Universitato de Kaliningrad (Eŭropa Kongresa Komitato, p/a Aleksandr Ĥromov, ul. Kaluĵskaja 14/6, RU-236100 Kaliningrad, Rusio).

## Majo: monato landkongresa

La kongreso de Unuiĝo Franca por E-o kunvenigis ĉ. 150 e-istojn inter la 11-a kaj 15 de majo en la sud-francia Agde, kie oni elektis novan estraron, kun prezidantino Claude Nourmont, ĝenerala sekretariino Raymonde Pérault kaj kasisto Bernard Léger. Nina Korĵenevskaja prelegis pri rusa arto en la 20-a jarcento, E-grupoj el Béziers kaj el Ĝirondio prezentis *Budapeŝta ekzameno* de Sándor Szathmári, resp. omaĝan spektaklon al la kanzonisto Georges Brassens, kiu naskiĝis en la regiono.

Ankaŭ Germana E-Asocio (20-23 majo, Kiel) elektis prezidant*inon*: Elsbeth Bormann jam plenumis tiun funkcion inter 1977 kaj 1983.

Sveda E-Federacio havas du novajn estraranojn: Franko Luin kaj Aira Kankkunen. Dum la SEF-kongreso en Höör (27-29 majo) 110 e-istoj povis aŭskulti Stefan MacGill pri modernaj instrumetodoj kaj Adolf Burkhardt pri la Germana E-Biblioteko.



## Kroatio: Albanaj gastoj

Fine de majo Kroata E-Unuiĝo kunorganizis la restadon en Zagrebo de 12 mezlernejanoj el Albanio, kiuj venis por ekzameno de UEA/ILEI. La gejunuloj vizitis i.a. operejon, bestĝardenon kaj ĉokolad-fabrikon, ĉiutage renkontis junajn kroatajn E-parolantojn, kaj pasigis vesperon kun la albana ambasadoro Franko Krroqi (vd. foton). Ili ankaŭ ĉeestis la funebran ceremonion de Emilija Lapenna (vd. p. 140), kiu estus prezidinta ilian ekzamenon. KEU donacis al ili multajn E-librojn, i.a. albanan proveldonon de la vortlisto *Gerda malaperis!*.

La 10-an de aprilo KEU solene rememoris la fondon de Unuiĝo de Kroataj E-istoj kaj la lanĉon de la (nun denove aperanta) revuo *Kroata E-isto*, ambaŭ en 1909. La 85-a datreveno donis okazon al vasta informado, i.a. 10-minuta televida raporto. (M. Beloŝević)

**Portugalio: Investo por kresko**

Inter la 24-a kaj 27-a de marto Portugala E-Asocio prezentis sin en la lingvofoiro Expolíngua '94. La investitaj 100 mil eskudoj (1080 gld.) rezultigis membriĝojn al PEA, aĉetojn de libroj kaj disketoj kaj — ankaŭ dank' al dusemajna varbokampanjo en ĵurnaloj, radioj kaj ĉe preskaŭ ĉiuj mezlernejoj de Lisbono — 15 aliĝojn al unusemajna intensa kurso, kiu realiĝis en la tuj postaj lernejaj ferioj. (*Nia Bulteno*)

La populara magazino *Notícias* aperigis la 1-an de majo 6-paĝan, tre pozitivan kaj riĉan materialon pri Esperanto, ilustritan per bildoj de Zamenhof, Tinĉjo kaj *La Luzidoj*.



**Pollando:** Akademiano kaj poeto Geraldo Mattos (Brazilo; kun ĉapo) kaj lia edzino (dekstre de li) ekskursas al Sandomierz dum la 8-aj Esperantaj Tagoj de Staszów (Pollando), kies buntan programon partoprenis 105 e-istoj de la 25-a ĝis la 29-a de majo.

**Rusio: Uralanoj por unuiĝo**

En la Urala E-Renkontiĝo (UER, Jekaterinburg, 9-10 apr.) ripetiĝis la rekorda partopreno de 1984 (40 personoj el 11 urboj). Unuanima rezolucio de la UER-anoj alvokis la landajn organizojn Rusia E-ista Unio kaj Ruslanda E-Asocio unuiĝi dum la landa kongreso kiu okazos novembre en Niĵnij Novgorod. (*Movado*)

**Usono: Aŭguroj de UN-Universitatestro**

La Universitato de Unuiĝintaj Nacioj estas akademia instituto sub la aŭspicioj de UN. Parolante la 29-an de julio 1993 ĉe la Internacia Mona Fonduso en Vaŝingtono, la rektoro de UUN, prof. Gurgulino de Souza, aŭguris ke baldaŭ povus aperi ĉe UN postuloj de germanoj, japanoj k.a. pri lingva egaleco, kaj diris ke, en la nuna epoko de kultura memprotektemo, estus utile antaŭenigi Esperanton. (*Esperantic Studies*)

# Fake




**Heraldiko: Milvorta terminaro**

La eldonejo Akcent en Doneck (Ukrainio) preparas ilustritan vortaron pri blazonoj kun 1000 terminoj en 7 lingvoj, i.a. la ukraina, rusa kaj E-o. Antaŭmendu ĉe la aŭtoro, fakdelegito pri heraldiko: Nikolaj Starodubcev, ul. N. Ostrovskogo 12, kv.16, UA-340120 Doneck. (*Helianto*)

**Historio: Ĉinologie pri Esperanto**

Du studentinoj pri ĉinologio magistriĝis ĉe la Universitato de Vieno per ampleksaj disertaĵoj pri la historio de la ĉina E-movado. Claudia Lederhofer traktis la temon ĝis 1949, kaj Andrea Trumler prilaboris la lastajn 45 jarojn. (H. Eichner)

**Informado: Barcelono, Berlino, BBC, Brazilo**

La kataluna televida felietono *Poble Nou* jam kvarĉapitre menciis E-on: e-isto tradukis por amika familio trezore gardatan avan leteron kun plezuro, ĉar "oni havas malmultajn okazojn praktiki E-on". En la brita seri-filmo *Ruĝa nano* kosmoŝipano iom studis nian lingvon. Fine de la plej spektataj vesperaj novaĵoj, la 4-an de aprilo, oni kelkminute prezentis E-on per rapida kombino de aktivulaj eldiroj, kaj ĵurnalisto fine tostis Esperante. Bedaŭrinde, la aĝo de la montrataj e-istoj kaj la konkludo de la prezentisto ke "tamen la angla venkis", paligis tiun cetere bonan reklamon. (H. Alòs)

La internacia germana televido Deutsche Welle elsendis aprile sufiĉe longan kaj bonan raporton pri E-o, filmitan en la Berlina oficejo de Germana E-Junularo kaj en privata loĝejo. (*Berlina Informilo*)

*BBC English Magazine*, tutmonde legata revuo por junaj lingvolernantoj, prezentis E-on plurpaĝe en sia januara numero. La similpublika *Speak Up* en Brazilo artikolis en majo favore, eĉ fervore, pri la "ideala universala lingvo", sur tri paĝoj.

**Interlingvistiko: Moskvaj prelegoj**

D-ro Sergej Kuznecov komencis la 21-an de aprilo 20-lekcian prelegaron pri "Monda komunikado kaj internaciaj lingvoj", enkondukan al interlingvistiko, ĉe Rusia Malfermita Universitato en Moskvo.

**Junularo: Pli profesian PS!**

La Estraro de TEJO decidis ne eldoni la ĝis nun ĉiujaran broŝuron Pasporta Servo en 1994, sed nur en postaj neparaj jaroj. La unujara eldonritmo kaŭzis grandajn preskostojn kaj signifan deficiton al TEJO. La konata listo de gastigantoj, kiu por gejunuloj estas unu el la plej grandaj altirfortoj al E-o, bezonas pluan profesiiĝon: ĝi enhavu pli da fidindaj adresoj ol la nunaj ĉ. 600, kaj aperu jam en la jarkomenco. TEJO serĉas honorariatan redaktoron, kiu devus eklabori post du jaroj, por la eldono de 1997.

### Komputiloj: *Monato*-bultenejo

Flandra E-Ligo (Frankrijklei 140, BE-2000 Antwerpen; e-poŝto 100272.1601@compuserve.com) kreis E-bultenejon, kie modem-posedantoj povas i.a. konsulti artikolojn de *Monato*, vokante la numeron +32/3/234-12-60 inter 19.00 kaj 7.00 (mezeŭropa tempo). FEL sendas senkostan informbroŝuron. (*Monato*)

### Konkursoj: Ne nur por geknaboj

Géza Kurucz (Gimnazio Júlia Bányai, Nyíri út 11, HU-6000 Kecskemét, Hungario), de du jaroj estro de la Komisiono de ILEI pri Lernejaj Konkursoj, atendas ankaŭ por la lernojaro 1994/95 aliĝojn al la internacia poentokolekta konkurso I. Szerdahelyi, kiu lastfoje laborigis 282 geknabojn el 8 landoj. Ekzistas aparta kategorio por plenkreskuloj. Internacia estas ankaŭ la konkurso Ivo Lapenna ("Modela E-parolo") por 10-14-jaruloj, en kiu lastfoje ĵuriis Germain Pirlot, Ilona Koutny kaj Andrzej Pettyn.

La 5-an Tutlandan E-Deklamkonkurson partoprenis ĉ. 90 hungaroj kaj 14 kroatoj en la urba teatro de Pápa (8-10 aprilo). La eventon malfermis la urbestro, Zoltán Kovács, kiu ankaŭ enmanigis la diplomojn al la gajnintoj: Eszter Bessenyei, Dániel Gados, Zsolt Hokker, János Kirsch, Veronika Tötös (Hungario) kaj Dan Djaković (Kroatio).

### Lingvopolitiko: Latinidaj strategioj

La 6-an de majo itala-franca kolokvo pri "La rajto je la lingvo" en Romo signis la 40-jariĝon de Latina Unio, organizo de 30 landoj kies oficiala lingvo estas latinida. La prezidanto de la Accademia della Crusca (la plej aŭtoritata lingva instanco en Italio), Giovanni Nencioni, skizis la trajtojn de itala lingvopolitiko "neatakema, sed profunda kaj efika", kiu ne aplikus malpermesojn kaj restriktojn, sed "fortigus la latinidan konscion" instruante pli intense la italan kaj aliajn latinidajn lingvojn. Laŭ Giorgio Pagano (Radikala Partio) "protektisma politiko pri la propraj naciaj lingvoj povos montriĝi nur malsukcesa", kaj "necesus alpreni *verdan lingvon* kiel E-o". (*L'esperanto*).




### Komerco: Multflanka ĉina kompanio

La Chengde-a Junyi-Esperanta Kompanio (P.O.K. 88, CN-067000 Chengde, Hebei, Ĉinio), fondita la 30-an de junio 1993, okupiĝas pri komerco, informa konsultado, turismo, tradukado kaj tajpado. Ĝia 700-m²-a konstruaĵo enhavas restoracion kaj noktan klubon.

### Pacismo: E-rubriko en Francio

"Esperanto estas nek laŭdenda nek defendenda ... sed utiligenda!" — tiel startas la E-lingva rubriko en la maja *Union Pacifiste*, monata revuo de la Franca Pacisma Unuiĝo (4 rue Lazare-Hoche, FR-92100 Boulogne). La rubriko ĉerpas tekstojn el *SAT-Amikaro* kaj aperas ĉiunumere.

### Televido: Dana premiero

Öernes-TV (Aastrupvej 59, DK-4850 Stubbekøbing; faks. +45/53-84-16-81), stacio ricevebla de 150 mil homoj en la sud-danaj insuloj Lolland-Falster, lanĉis la 5-an de junio ĉiudimanĉan televid-serion pri Esperanto. La unuaj ses 20-minutaj epizodoj konsistas el konversacioj kun e-istoj (i.a. Birthe Lapenna) jen danlingve, jen E-e kun subtitoloj, kaj el lingvo-kurseto en formo de mallongaj skeĉoj. (O. Blaust, J.S. Larsen)

Tiu serio ne estas la unua en sia speco: ekzemple, Atilio Orellana Rojas estis intervjuata tra la tuta pasinta septembro, ĉiufoje dum 90 minutoj, en la ĉiusemajna junulara programo *No somos ángeles* (Ni ne estas anĝeloj), kiu elsendiĝas el Bonaero al tuta Argentino.

### Turismo: Novaj diplomoj

La faka asocio Monda Turismo transformos ekde la studjaro 1994/95 sian ĝis nun naŭmonatan Internacian Studumon pri Turismo kaj Kulturo en trijaran lernejon, ĉeestan kaj malĉeestan. Oni povas akiri diplomon de "organizanto", "memstara laboranto" kaj "specialisto" de la internaciaj turismo kaj kulturo, per resp. unu, du kaj tri jaroj da studoj. La kotizo por la unua jaro estas 200 USD. Aliĝo ĝis la 31-a de aŭg.: ul. M. Skłodowskiej-Curie 10, PL-85-094 Bydgoszcz, Pollando.

## KOREKTOJ AL LA JARLIBRO 1994

Post la redaktofino de la Jarlibro 1994 ŝanĝiĝis la adreso de la ĉi-subaj landaj asocioj:

**Bulgara** E-Asocio (p. 32 k 38) kaj Bulgara E-Junularo (p. 51): p.k. 66, BG-1000 Sofia.

**Ĉeĥa** E-Asocio (p. 32 k 38): p.k. 1069, CZ-111 21 Praha 1.

**Slovakia** E-Asocio (p. 33 k 43): Račianska 80, SK-831 02 Bratislava.

**Svisa** E-Societo (p. 43): CP 237, CH-6830 Chiasso 1.

Demisiis la ĉefdelegitoj por Ĉeĥio (p. 138) kaj Slovakio (p. 263). Tiu por Aŭstralio (p. 101) havas novan adreson: Brian Currie, 21/14 Allen Street, Harris Park, N.S.W. 2150.

Demisiis D kaj FD en Banstead (Britio); mortis D en Oslo (Norvegio), D en Saintes (Francio) kaj FD (statistiko) en Zagreb (Kroatio).

# Persone



# Anoncetoj

### Csepin: Azenrajde tra 15 landoj

Honore al Tibor Sekelj, juna hungara geedza paro e-ista, Szilvia kaj Péter Csepin, ekiris la 12-an de februaro el sia urbo Várpalota, per ĉaro tirata de tri azenoj, por viziti 15 landojn ĉirkaŭ Mediteraneo en 18 monatoj. Lokaj amas-informiloj abunde raportis pri ili. (*Eventoj*)

### Lins: Aviadile en kvar landoj

Ulrich Lins, la vicprezidanto de UEA, vizitis inter aprilo kaj junio Moskvon, Bukareŝton, Pragon (dum profesia vojaĝo) kaj Lisbonon (private), renkontante E-gvidantojn en ĉiu ĉefurbo. En Moskvo impresis lin la propedeŭtika eksperimento kunordigata de Irina Gonĉarova kaj la junulara aktivado: homoj venas de miloj da km-oj, eĉ petveture, al aranĝoj de la landa junulara asocio SEJM. En Bukareŝto li interparolis kun vicprezidanto Marian Constantinescu pri ebla aliĝo de Rumana E-Asocio al UEA, kaj aŭdis pri aperonta lernolibro de Constantinescu, C. Dominte kaj I. Nagy. Same en Lisbono kiel en Prago (kie ĝuste dum lia vizito Ĉeĥa E-Asocio forlasis sian ne plu lupreneblan sidejon) Lins sondis pri UK-ŝancoj en tiuj urboj.

### Mjeda: E-merito agnoskita

La 3-an de marto la albana prezidento, Sali Berisha, distingis Zef Mjeda per la titolo "popola instruisto", i.a. pro liaj meritoj kiel "nelacigebla e-isto kaj kompilanto de vortaroj de la internacia lingvo" (li ĵus eldonis 12-lecionan lernilon kaj dudirektan, 235-paĝan vortaron).

Mjeda, albana sekciestro de Internacia Katolika E-Unuiĝo, invitis en januaro la IKUE-prezidanton, pastron Duilio Magnani al Albanio, kiu donis tutpaĝan intervjuon al la konata gazeto *Koha e jonë*.

La edzino de Mjeda, Anjeze, kies okul-operacion ebligis pasintjare e-ista helpo (v. majo 1993, p. 84), ankaŭ nun bone vidas. Ŝia prizorginto, Agado "E-vid-E-nt-E", volonte akceptas subtenon kaj kunlaboron por helpi aliajn vid-handikapitojn, ekz. la trijaran knabeton Jacek el Pollando. (E-vid-E-nt-E, Jacques Tuinder, Henegouwenlaan 35, 1966 RH Heemskerk, Nederlando; uea-konto jajt-e).

### Piron: Misio en Siberio

Pro nealveno de pluraj gravuloj, Claude Piron fariĝis neatendite la malferma parolanto de Internedelja, la plej granda junulara forumo de Rusio (Novosibirsk, 12-15 majo), dediĉita al evolu-problemoj de la homaro. Invitito de Rusia E-ista Unio, Piron markis per siaj personeco kaj elokvento la etoson de la tuta aranĝo, tiel ke en la fermo ĉiuj aplaŭdis la deziron ke ĝis la sekva jaro ĉiuj forumanoj lernu Esperanton. Urbaj televido, radio kaj gazetoj abunde intervjuis lin.

### Staes: Centa naskiĝtago

Multaj Bruselaj e-istoj ĉeestis la centjariĝan feston de sia samgrupanino Elly Staes, kiu naskiĝis la 8-an de junio 1894 kaj e-iĝis en 1905. Ŝi jam partoprenis la Kembriĝan UK en 1907 kaj ankoraŭ aliĝis al la jubilea UK en Varsovio (1987). Gratulojn al la jubileanto!

### Tolkien: Konsilo de leginto

"Mi konsilas al ĉiuj kiuj havas tempon aŭ emon okupiĝi pri la internaci-lingva movado: subtenu lojale Esperanton" — rekomendis en 1932 J.R.R. Tolkien (1892-1973), la aŭtoro de *La mastro de la ringoj, La hobito* kaj aliaj mondfamaj verkoj. Li mem lernis E-on ĉ. 1907 kaj "tiutempe sufiĉe multe legis en ĝi". (*EsperantoUSA*)



*Jen Alfonz Pechan (1902-1994), kies nekrologo aperis en la junia numero (p.120) erare kun la foto de Zoltán Váli (vd. p.140).*

**25 gelernantoj 7-8-jaraĝaj** el Sud-Francio serĉas ĉ. 25 gelernantojn samaĝajn, alilandajn, por korespondi en Esperanto inter sept. '94 kaj junio '95, unue kolektive, poste kolektive kaj individue. Skribu al: H. Seigle, Ecole, FR-84530 Villelaure, Francio.

**Deziras korespondi tutmonde** diversteme 22-jaraj f-inoj diplomiĝintaj de Telekomunik-Universitata Komputer-Fakultato: MA Xuemei, NI Ying, JIANG Xiafang; f-inoj instruistinoj YU Lijie (Lilio, 34 j.), ZHANG Hongxian (35 j.), LIANG Ning (24 j., vendistino de fasonvestejo), DING Xingfu (36 j., laboristino). Sama adreso: c/o Wu Ruihua, Madian Dianxin Sushe 3-402, Beijing, CN-100088, Ĉinio.

**Ĝenerala, Organika kaj Biologia Kemio** estas 575-paĝa lernolibro dediĉita al la junuloj de la Tria Mondo. Ni sendos ĝin ĝis elĉerpiĝo senkoste al Esperantaj organizoj tie. Sendu petleterojn al R. K. Jones, 5048 N. Marine, D-6, Chicago, IL 60640, Usono.

**42-jaraj polaj geedzoj** deziras korespondi tutmonde. Respondo garantiata: Tonia kaj Jan Skiba, skr. 19, PL-44-217 Rybnik-17, Pollando.

La **World Shakespeare Bibliography** serĉas nepagatan raportanton pri mencioj de Ŝekspiro en la Esperanta gazetaro kaj Esperantaj tradukoj de verkoj de Ŝekspiro. Li aŭ ŝi devas esti denaska anglalingvulo, havi bonan literaturan erudicion, prefere minimume abiturientan diplomon de mezlernejo, kaj bone sekvi la evoluon de la literaturo en Esperanto. Skribu, indikante viajn kvalifikojn, al: World Shakespeare Bibliography, Department of English, Texas A & M University, College Station, Texas 77843-4227, Usono.

**21-jara medicina studento** deziras korespondi pri ĉiuj temoj tutmonde. Respondo estas garantiata. Skribu al: Fereidun Zandy, Ghannadi Hajebi, Shohada Str., IR-69137 Borujerd, Irano.

# Nekrologoj

## Emilija Lapenna (1910-1994)

Emilija Lapenna, Honora Membro de UEA kaj internacie konata movada aktivulo, forpasis la 19-an de majo en Zagrebo (Kroatio).

Ŝi naskiĝis la 9-an de majo 1910 en Gorjane (Slovenio). Fininte komercan mezlernejon en 1926, ŝi ekstudis pentrarton, sed poste laboris kiel financa oficisto kaj fine kiel profesia statistikisto — fako pri kiu ŝi estis UEA-delegito ekde 1958.

Ŝi lernis Esperanton en 1931 kaj estis unu el la kunfondintoj de la renoma Akademia E-Klubo en Zagrebo, en kiu ŝi aktivis ĝis ties likvido (1941). Post la milito ŝi estis inter la fondantoj de Kroatia E-Ligo kaj de la Zagreba E-societo "Bude Borjan". En ĉi lasta ŝi okupis ĉiujn funkciojn, i.a. la gvidon de drama sekcio, kiun ŝi iniciatis. En 1953 ŝi organizis kaj gvidis la kulturajn aranĝojn de la 38-a UK en Zagrebo.

Emilija Lapenna plenumis mirindan kvanton da funkcioj en la jugoslavia kaj internacia movado, plurajn el ili kun impona daŭro. Ŝi funkciis i.a. kiel sekretario de Jugoslavia E-Federacio (1953-55), vicprezidanto



*Emilija Lapenna*

de Kroatia E-Ligo (1955-57) kaj komitatano de Jugoslavia E-Ligo. Ŝia landa ĉefdelegiteco dum 34 jaroj (1953-1987) estas eble movada rekordo, same kiel ŝia redaktora laboro ĉe la E-elsendoj de Radio Zagreb, ekde 1956 ĝis ilia ĉesigo en 1992. (La voĉon de E. Lapenna konservas ankaŭ la gramofondisko *Perfekta prononcado*.) Ŝi longe membris en la Komitato de UEA (1957-1974) kaj sekretariis ĉe la Belartaj Konkursoj (1965-1974).

Krome ŝi trovis tempon por oftaj recenzoj en Radio Zagreb kaj en internaciaj E-revuoj, por artikoloj en i.a. *La Progreso, Heroldo* kaj *Esperanto*, por diversaj tradukoj prozaj kaj poeziaj, kaj por redakciana kunlaboro en *La Suda Stelo, Voĉo* kaj *Kajeroj de Jugoslavia E-Instituto*. Lapenna aŭtoris dramajn tekstojn (*Teatro en societo*, kun M. Mamuĵiĉ, 1956, *Nova teatro*, 1974) kaj la lernilon *Esperanto por ĉiuj* (1980). Dum jaroj ŝi prezidis la Literaturan Konkurson Ivo Rotkvić.

Emilija Lapenna estis ja la unua edzino de prof. Ivo Lapenna, iama prezidanto de UEA. Sendube parte el tio fontas la fakto ke ankaŭ ŝi faris el Esperanto sian ĉefan vivokupon dum pli ol ses jardekoj. Ŝi estis dumviva, kaj — de post 1979 — ankaŭ Honora Membro de UEA. Nur unu monaton antaŭ sia forpaso ŝi ankoraŭ enkondukis rondatablan movadan debaton en Zagrebo, kaj en nia maja numero aperis ŝia letero pledanta por la Akademiaj landnomformoj. ★

---

**Edvin AKERØ** (1916-1993), dumviva membro, e-isto dum kvindeko da jaroj, forpasis en Bergeno la 10-an de decembro.

**W. A. BAKKER-SMITH** (1899-1994), longtempa membro de UEA, mortis la 22-an de junio en Amsterdamo.

**Thor Magnus CARLSEN** (1927-1994), delegito de Oslo kaj prezidinto de la loka klubo (1980-1992), mortis la 21-an de majo.

**Sacramento COLLADO LLANA** (1910-1994), veterana hispana e-isto, forpasis la 23-an de februaro en Gijón.

**Germaine FAUCHER-MAHÉ** (1908-1994), vidvino de Jacques-Louis Mahé (Lorjak), forpasis la 3-an de aprilo.

**Lennart MAGNUSSON** (1911-1994), fakdelegito pri teksindustrio, mortis en Malmö (Svedio), en kies klubo li estis membro ekde la jaro 1937.

**Ezra MELAMED** (1902-1994) forpasis en Jerusalemo la 9-an de marto. Rabeno, membro de la Hebrea Akademio, en sia juneco li estis unu el la E-pioniroj en Palestino kaj eldonis en 1927 la unuan E-hebrean vortaron.

**Richard MOHOLM** (1912-1994), fakdelegito pri ĝardenkulturo, dumviva membro, mortis la 9-an de aprilo en Lövånger (Svedio).

**Ramón RODRIGUEZ PEÑA** (1907-1994), aktivulo kaj E-instruisto en la Kanariaj Insuloj, forpasis la 11-an de marto.

**Forwa SOLIMENA** (1912-1994), aktiva fakdelegitino pri kulturo dum 20 jaroj en Napolo (Italio), forpasis antaŭ nelonge.

**Ivan ŜIVAROV** (1901-1993), honora membro de Bulgara E-Asocio, kursgvidinto, redaktoro de dulingva informbulteno, aŭtoro de artikoloj kaj de la libreto *Mia trezorejo* (1986), mortis la 22-an de aprilo 1993 en Plovdiv.

**Gunnar THUESEN** (1928-1994), dana fervojista aktivulo, mortis la 7-an de marto.

**Zoltán VÁLI** (1910-1994), hungaro, elstara e-ista grafikisto, pentristo, mortis la 7-an de februaro. Lia foto aperis, erare kun la nomo "Alfonz Pechan", en nia junia numero (p. 120).




***La Jarlibro akompanos vin tra tuta jaro... donu taŭgan veston al ĝi!***

UEA ofertas elegantan bonkvalitan plastan kromkovrilon por via Jarlibro. Mendu ĝin kontraŭ 1,80 gld. (+ afranko kaj, ene de EU, imposto de 17,5%). Triona rabato ekde 3 ekz.

**FARIĜU KONSCIA SUBTENANTO DE TEJO!**

**fariĝu patrono de TEJO**

**Pagante 3-oblon de vialanda MJ(-T)-kotizo vi ne nur subtenas la esperantistan junularon, de TEJO vi ankaŭ ricevas:**

- *Kontakto*;
- *TEJO tutmonde* (oficiala organo de TEJO);
- akcepton dum la ĉiujara Universala Kongreso;
- aliajn laŭokazajn servojn kaj publikaĵojn.

## VENU AL

La Kvara Politika kaj Esperanta Semajno
Komańcza (Pollando), 26-a de sept. – 4-a de okt. 1994
Dua Kongreso de la Eŭropa Federacio
Kaliningrad (Rusio), 17-19-a de nov. 1994
*Legu pli sur p. 136.*

Jubilea legolibro:




# TREZORO

Cent aŭtoroj por la centjaro 1887-1987. Du volumoj de originala prozo. Red. Reto Rossetti kaj Henri Vatré. Entute 948 paĝoj. Prezo: 75,90 gld.

**Alphonse Daudet:**
**Tre mirigaj aventuroj de TARTARIN DE TARASKONO**



***La Libroservo de UEA ankoraŭ havas kvanton de tiu ĉi humura majstroverko!***

192 p., tole bind., ilustr. 18 gld., triona rabato ekde 3 ekz.

*Al la laboristoj en ĉiuj landoj unu lingvon!*




**Ilustrita historio de la laborista Esperanto-movado**

Eld. Fritz-Hüser-Institut, Dortmund 1993, 115p.
Prezo: 10,80 gld.

Enhavas i.a. historion de la Germana LEA, kronikon de la tutmonda movado, artikolon pri esperantistoj en la hispana milito kaj bibliografion pri la laborista Esperanto-movado. Dulingva (Esperanta-germana).

# AĈETU RABATE!

La Libroservo de UEA proponas al la legantoj de tiu ĉi revuo dekon da altkvalitaj verkoj kun rabato de almenaŭ triono de la kutima vendoprezo.

Al la rabatitaj prezoj aldoniĝas la sendokostoj (10%, minimume 5 gld.) kaj ene de EU imposto de 6%.

| | | |
|---|---|---|
| **La fenomeno Esperanto**<br>W. Auld. Pri lingvoproblemo. 120p. | ~~18,00~~ | 12,00 |
| **La danĝera lingvo**<br>U. Lins. Persekutoj kontraŭ E-o. 546p. | ~~66,00~~ | 44,00 |
| **Fundamenta krestomatio de Esperanto**<br>L.L. Zamenhof. 464p. | ~~48,00~~ | 32,00 |
| **Nova Esperanta krestomatio**<br>Red. William Auld. 510p. | ~~57,00~~ | 38,00 |
| **Lingvo kaj vivo**<br>Eseoj de G. Waringhien. 452p. | ~~48,00~~ | 32,00 |
| **Ni kaj ĝi**<br>G. Waringhien. Pri religio kaj arto. 346p. | ~~45,00~~ | 30,00 |
| **Vetero kaj klimato de la mondo**<br>Riley-Spolton. 132p. | ~~28,50~~ | 19,00 |
| **La granda Meaulnes**<br>A. Fournier. Romano pri pura amo. 222p. | ~~22,50~~ | 15,00 |
| **Homoj sur la tero**<br>Originala romano de S. Engholm. 235p. | ~~30,00~~ | 18,00 |
| **Winnie-la-Pu**<br>Aventuroj de la fama urseto. 175p. | ~~27,00~~ | 18,00 |

*Rapidu mendi, ĉar la rabatitaj prezoj validos nur ĝis la fino de aŭgusto 1994!*



Post *Mi vizitis grandan urbon* la juna togolanda esperantisto Gbeglo Koffi denove ĝojigas tiujn, kiuj volas scii pli pri la vivo en afrika lando.

# De vilaĝo al ĉefurbo

Eldonis Fondaĵo Afriko de UEA. 32p. Prezo: 8,10 gld. (triona rabato ekde 3 ekz.). Mendu ĉe UEA.

# Patrina koro

*Simplaj, romantikaj rakontoj pri la esperantista vivo*

Nevena Nedelĉeva. Rotterdam / La Laguna: UEA/Stafeto, 1988/1975 (eld./preso). 148p. 17 cm. Prezo: 12,00 gld. Triona rabato ekde 3 ekzempleroj.

# Jen la plej

vaste legata junulara gazeto
rekomendinda por komencantoj
bela kaj moderna
diversa kaj amuza
interesa por ĉiuj




KONTAKTO estas gazeto por ĉiu, kiu serĉas interesan legaĵon en Esperanto. Ĉiu numero havas ankaŭ tekstojn en tre facila lingvo, tiel ke KONTAKTO estas aparte taŭga por komencantoj kaj por Esperanto-kursoj. Krome, konkurso atendas vin en ĉiu numero de la revuo! En 1994 KONTAKTO aperos 6-foje. Abonu rekte de UEA aŭ ĉe via kotizperanto.

**ABONTARIFO 1994**

| | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| Aŭstralio | 30 | dolaroj | Francio | 125 | frankoj | Nederlando | 40 | guldenoj |
| Aŭstrio | 240 | ŝilingoj | Germanio | 37 | markoj | Norvegio | 145 | kronoj |
| Belgio | 755 | frankoj | Hispanio | 2100 | pesetoj | Pollando | 19 | guldenoj |
| Brazilo | 19 | guldenoj | Israelo | 31 | guldenoj | Portugalio | 2300 | eskudoj |
| Britio | 14 | pundoj | Italio | 29 000 | liroj | Svedio | 160 | kronoj |
| Danio | 150 | kronoj | Japanio | 2880 | enoj | Svislando | 31 | frankoj |
| Finnlando | 115 | markoj | Kanado | 27 | dolaroj | Usono | 21 | dolaroj |

**Kluboj kaj kursoj povas aboni KONTAKTO kun rabato de 20% aŭ eĉ 40%. Informiĝu!**

# Jen la ĉefverko!




**Pli ol 3200 eroj sur 160 paĝoj**

La katalogo estas sendita senpage al la regulaj klientoj de la Libroservo de UEA. Ĉiuj aliaj povas aĉeti ĝin por la prezo de 9 gld. Triona rabato ekde 3 ekz. Aldoniĝas 10% por sendokostoj (minimume 5 gld.) kaj por la klientoj en la Eŭropa Unio 6% por imposto.

# 2-A ELDONO




*"Unika legolibro, plej bonveniginda kaj rekomendinda al ĉiuj studantoj de la Internacia Lingvo."*
**Baldur Ragnarsson**

Fabeloj, mirindaĵoj kaj internaciaj rakontoj sur pli ol 400 paĝoj . . .

Rotterdam: UEA, 1993 (dua korektita eld.). 431p. 21cm. Prezo: 36,00 gld. Triona rabato ekde tri ekzempleroj.